# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

10. Jahrgang Nr. 63/64 (1/2 1974) 60 Pf


# Aufruf

## *An alle Mitglieder und Leitungen des Kulturbundes der DDR!*

**25 Jahre**
**Deutsche Demokratische Republik –**

das ist ein Vierteljahrhundert

Arbeiter-und-Bauern-Macht, Staat der Werktätigen auf deutschem Boden, der alles Progressive aus der Geschichte unseres Volkes verwirklicht,

ist unerschütterliche Verbundenheit mit der Sowjetunion als der entscheidenden Grundlage unseres Seins und unserer Macht;

das ist erfolgreicher Kampf um die Sicherung des Friedens, schöpferisches Zusammenwirken von Millionen Werktätigen in Stadt und Land für den Aufbau des Sozialismus unter Führung der Arbeiterklasse und ihrer marxistisch-leninistischen Partei;

das ist feste Freundschaft und ständig wachsende Zusammenarbeit mit den Völkern der Sowjetunion und der anderen Länder der sozialistischen Staatengemeinschaft,

ist tätige Solidarität mit allen Völkern, die gegen den Imperialismus kämpfen;

das ist schöpferische Gestaltung des Lebens auf der Grundlage des Marxismus-Leninismus, praktizierte Einheit von Geist und Macht, ist Aufbau der sozialistischen Nationalkultur, Aufblühen der Künste und Wissenschaften;

das ist ein Vierteljahrhundert

Werden und Wachsen sozialistischer Persönlichkeiten, Entfalten der schöpferischen Fähigkeiten aller Menschen, ist wahrgenommene Verantwortung für das Ganze und Freude an der Mitgestaltung des Lebens;

das ist gewachsene begründete Zuversicht in die gesellschaftliche Meisterung der Zukunft.

Wir, die Mitglieder des Kulturbundes, haben durch unsere gesellschaftliche Arbeit Anteil an den Erfolgen unserer Republik. Leistung aber löst nicht nur Freude aus und macht stolz, sondern verpflichtet uns auch.

Das Präsidium ruft deshalb alle Mitglieder und Leitungen des Kulturbundes auf, zum 25. Jahrestag unserer Republik neue Initiativen und Aktivitäten aller Grundeinheiten, Freundeskreise, Arbeitsgemeinschaften, Fachgruppen usw. auszulösen und sich damit am Wettbewerb „Schöner unsere Städte und Gemeinden – Mach mit!“ zu beteiligen, wozu der Nationalrat der Nationalen Front in seinem Aufruf auffordert. Sie sollen darauf gerichtet sein, daß durch unsere Grundeinheiten

1. der ständige Meinungsaustausch zu aktuellen Problemen des politischen Kampfes und der gesellschaftlichen Entwicklung nach Kräften gefördert wird, dafür vielfältige Formen der Begegnung zwischen Angehörigen der Intelligenz aller Berufe ausgebaut und unterhalten werden und verstärkt die jüngere Generation einbezogen wird;

2. das Gespräch über Werke unseres sozialistischen Kunstschaffens und des progressiven künstlerischen Erbes öffentlich wirksam geführt und dafür vielfältige Formen geschaffen werden;

3. die sozialistische Landeskultur zu einem bestimmenden Anliegen unserer Arbeit gemacht, vielen Menschen die Geschichte und Schönheit unseres Landes erschlossen und die Aktion des Kulturbundes und der Redaktion „Wochenpost“ „Erleben – Erkennen – Gestalten! – 25 Jahre Deutsche Demokratische Republik“ unterstützt wird;

4. die Solidaritätsaktion unserer Organisation zur Unterstützung des Kampfes der Völker gegen Imperialismus und für sozialen Fortschritt weiter verstärkt wird.

Alle **Kreisleitungen** sind aufgerufen, dafür zu wirken, daß

– in den gesellschaftlichen Zentren, besonders in allen Kreisstädten, ständige Formen der Begegnung und des Gesprächs zwischen Angehörigen der Intelligenz aller Berufe entwickelt,

– neue Freundeskreise, besonders Kleine Galerien, neue Arbeitsgemeinschaften und Fachgruppen aufgebaut und zu öffentlicher Wirksamkeit gebracht,

– mit den zuständigen staatlichen Organen geeignete Maßnahmen zur Pflege und Gestaltung landeskultureller Objekte, besonders in Erholungsgebieten, vereinbart und dazu eigene Beiträge geleistet werden.

Wir stellen uns das Ziel, bis zum 25. Jahrestag der Gründung unserer Republik

für unsere Organisation 10 000 neue Mitglieder zu gewinnen,
50 neue Ortsgruppen zu bilden,

der Solidaritätsaktion unserer Republik weitere 200 000 Mark zur Verfügung zu stellen.

Zum Tag der Republik tritt unsere Organisation im geistig-kulturellen Leben hervor durch geeignete und wirksame Veranstaltungen wie Manifestationen der Intelligenz, Treffen der Literatur- und Kunstfreunde, Auktionen für Grafiken und Fotos und Ausstellungen aller Bereiche.

Jeder unserer Erfolge hilft, die Hauptaufgabe des Fünfjahrplans zu lösen und die Entschließung unseres VIII. Bundeskongresses zu verwirklichen. Jeder unserer Erfolge festigt den Sozialismus in unserer Republik und nutzt jedem von uns.

**Kulturbund der DDR**

Präsidium

Berlin, im Januar 1974

**Resumo:** *Apelo de la prezidio de Kulturligo al ĝiaj membroj kaj gvidantaroj, okaze de la 25jara jubileo de GDR entrepreni specialajn iniciatojn kaj realigi aldonajn taskojn.*

---

## *La apelo kaj ni*

*Ankaŭ nin, la esperantistojn, koncernas ĉi-tiu apelo. Ni atentigu pri kelkaj taskoj:*

1. *En ĉiuj grupoj estu interesaj kunvenoj dediĉitaj al la ŝtata jubileo, en kiuj oni ekzemple diskutu pri korespondamikaj opinioj rilate la evoluon de nia ŝtato aŭ trovu aliajn konkretajn formojn rilatajn al la jubileo.*
2. *Multaj KL-organizaj unuoj preparas ekspoziciojn. Ankaŭ la Esperantistoj partoprenu tiujn efikajn aranĝojn kaj speciale atentigu pri ilia internacia informlaboro pri GDR.*
3. *Specialan atenton la esperantistaj grupoj donu al la solidaraj agadoj subtene al la popoloj batalantaj kontraŭ imperiismo kaj por socia progreso* *(kp. paĝon 6)*
4. *Nepre necesas, ke ĉiu grupo varbu novajn membrojn* *(kp. paĝon 15)*



idanta Komitato de la Vjetnama Esperanto-Asocio en Hanoj

# ESPERANTO
## SERVEX AL INTERNACIA AMIKECOX KAJ MONDPACO

de

**NGUYEN VAN KINH**
*Prezidanto de Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio*

Dum la lastaj 18 jaroj, en la tutpopola lukto kontraŭ la usonaj interveno kaj militagreso, la vjetnamaj geesperantistoj viciĝis inter la plej aktivaj batalantoj. Jam de post la granda venko de Djen Bjen Fu, sindonemaj gesamideanoj, formiĝintaj en plena makiso kontraŭ la francaj koloniistoj, vigle agadis kaj starigis tute novan movadon en Vjetnama Demokratia Respubliko, kie Esperanto ĝuas kaj la moralan subtenon kaj la materialan helpon de la gvidanta laborpartio kaj de la popoldemokratia registaro. Esprimo de tio povas esti konstatata en la patroneco favora al Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio (fondita en 1956) de la flanko de eminentaj ŝtatuloj kiel Sro HOANG MINH GIAM, ministro pri kulturo, Sro NGUYEN VAN HUYEN, ministro pri klerigado, same en la aliĝo al ties estraro de famkonataj nomoj kiel la poeto CU HUY CAN, la publicisto PHAM NGOC THUAN, prezidanto de la Komitato por amikecaj kaj kulturaj rilatoj kun eksterlando, la komponisto LUU HUU PHUOC, nun ministro pri kulturo de la Provizora Revolucia Registaro de Sudvjetnama Respubliko ...

De 1956 ĝis 1964, nia Asocio organizis centojn da Esp-kursoj kaj formis multnombrajn novajn adeptojn de Esperanto distribuinte pli ol dumil kvincent Atestilojn de Unua Grado kaj pli ol sepcent Atestilojn pri Kapableco (de dua grado). Dume oni disponis centran Klubejon en Hanojo, vere viglan kaj stimulan kernon de propagando, al kiu ne ĉesis alflui larĝaj amasoj el ĉiuj socitavoloj, ke formiĝis kelkaj lokaj agadfilioj de VPEA en provinco. Ekde 1965, la detrua milito de Usono kontraŭ Norda Vjetnamio far Johnson kaj sekve Nixon ne sukcesis bremsi la funkciadon de VPEA, kiu tamen en la novaj militkondiĉoj koncentris sian energion en la eldonado de variaj literaturoj diskonigantaj la veron pri nia nacisava batalo. Paralele ĝi klopodis harmoniigi siajn eksterlandajn aktivecojn kun tiuj de la frataj kaj amikaj Esp-organizaĵoj, por la noblaj celoj de nacia liberiĝo, de socia progreso kaj de monda paco komunaj al ĉiuj popoloj de la nuntempo.

Kvankam nur modestaj la lingvonivelo kaj la formo de niaj eldonaĵoj, ni povas kunĝui kun la tutmonda Esperantistaro la ĝojon kaj la fieron konstati, ke spite de la teruraj kaj preskaŭ seninterrompaj bombadoj de la usonaj genocidistoj, la vjetnamaj esperantistoj neniom ŝanceliĝis kaj ili sukcesplene efektivigis siajn tradukan, redaktan kaj eldonan laborojn, aperiginte entute 61 Esp-librojn (el kiuj 2 poemaroj, 14 romanoj, 8 novelaroj, 17 eseoj, 20 gravaj dokumentoj) kaj sennombrajn ekzemple-

rojn de la revuo VJETNAMIO ANTAUEN MARŜAS, de la gazeto INFORMADO EL VJETNAMIO, de la stereotipa INFORMILO kaj ankaŭ de PACO, organo de Mondpaca Esperantista Movado. Baldaŭ aperos esperanta eldono de la ANTOLOGIO DE VJETNAMA LITERATURO. konsiderinda kontribuaĵo al la monda kulturo. Sur la eldona kampo, Esperanto servas en VDR kiel lingvo samtempe duon-oficiala kaj privata, ĉar dum la ŝtata Fremdlingva Eldonejo havas sian Esp-fakon, la Asocio kaj ĝiaj membroj siajn proprajn rimedojn. Nun la esperantaĵoj el Vjetnamio havas fidelajn legantojn en ĉirkaŭ okdek landoj tra la kvin kontinentoj, kaj la granda plimulto de tiuj ĉi ne ĉesas pruvi siajn simpation kaj elkoran subtenon. Ja sennombraj noblaj gestoj de la flanko de niaj gesamideanoj el diverslandoj povus permesi nin skribi oran paĝon en la historio de la monda Esperanto-movado, kaj tiel efektiviĝis la vera spirito de Dro Ludoviko Zamenhof kunligi la Internacian Lingvon kun la ideoj de libereco, egaleco, amikeco kaj paco de la popoloj.

Cetere, la vjetnamaj eldonaĵoj ne limigis sian prestiĝon je la esperantista mondo, dank' al la bravega kaj fruktodona entrepreno de esperantistoj el pluraj landoj (precipe Sovetio, Ĉinio, Bulgario, GDR, Svedio, Finnlando, Japanio ...) traduki kaj publikigi en sian nacilingvon fundamentajn verkojn de niaj eminentaj gvidantoj: Ho Chi Minh, Le Zuan, Vo Nguyen Giap, ... krome multajn versojn, novelojn, eĉ kompletajn romanojn. Tiu fakto des pli pruvis la aktualan kaj nekontesteblan rolon de Esperanto kiel internacia komprenilo por la kulturaj interŝanĝoj inter la popoloj.

Kun la materiala helpo de diverslandaj gesamideanoj, precipe de la frataj Esp-organizaĵoj, VPEA sukcesis starigi personajn kontaktojn kun diverslandaj esperantistaroj en la spirito de amikeco kaj kunlaborado. En 1959, ni sendis delegacion al la 2a Ĝenerala Konferenco de MEM en Varsovio, samtempe al la 48a U. K. En Bjalistok, vjetnama reprezentanto havis la honoron legi la dokumenton pri enmeto de fundamenta ŝtono al la monumento de L. L. Zamenhof ĉe lia 100-jara jubileo (1859—1959). En la sama jaro, sovetaj gesamideanoj invitis la ĝeneralan sekretarion de VPEA por dusemajna vojaĝo tra ilia lando, dum kiu ekstariĝis firmaj rilatoj de amikeco. En 1972, invitite de la bulgaraj gesamideanoj, delegacio de VPEA konsistanta el du poetoj vizitis la fratan landon de rozoj kaj partoprenis en la 38a Kongreso de Bulgara Esperantista Asocio. La sekvintan jaron, alia delegacio partoprenis en la 6a Ĝenerala Konferenco de MEM kaj samtempe la 20-jaran Jubileon de tiu organizaĵo en Beogrado, kaj certe tiu ĉi okazo ne mankis kontribui al la plivastigo de amikecaj rilatoj inter la pacbatalantoj. Pro certaj kaŭzoj, ni bedaŭrinde ne povis respondi pozitive al la invitoj de kelkaliaj frataj kaj amikaj esperantistaroj, kaj tion ni klopodos plenumi en proksima estonto.

Kvankam la longjaraj bombadoj de Usono ne tion favoris, vjetnamaj geesperantistoj entuziasme akceptis kelkajn eksterlandajn gesamide anojn el la Ĉina Popolrespubliko, el Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Polujo, Japanio, Svedio ktp.... En la nunaj packondiĉoj, VPEA ankoraŭ pli strebos vastigi siajn amikecajn kaj kunlaborajn rilatojn kun la Esp-organizaĵoj kaj progresemaj individuoj tra la tuta mondo. Ĝi nepre akcelos sian kunlaboron kun Mondpaca Esperantista Movado kaj pretiĝas kreskigi regulajn rilatojn kun Universala Esperanto Asocio surbaze de la principoj de memstareco, egaleco kaj kultura kunlaborado per la I. L.

*Alvoko de la prezidanto de CLR*

# *Solidarecon, speciale nun*

Karaj esperantistoj de GDR!

Multfoje ni raportis en nia revueto kaj en niaj „Paco"-eldonoj pri la heroa batalo de la tiel brava vjetnamia popolo. Ni scias, ke tiu batalo eldevigis la konatajn parizajn interkonsentojn. Ni ankaŭ scias, ke tamen la sudvjetnamia reĝimo en Sajgono konstante sabotas tiujn interkonsentojn farante sennombrajn krimagojn kontraŭ civitanoj de la propra ŝtato kaj kontraŭ la liberigitaj zonoj de la Sudvjetnamia Respubliko. Ni ankaŭ scias, kiom da nemezurebla detruo kaj homa sufero alportis al Demokratia Respubliko Vjetnamio la brutaj bombadoj de la usonaj aviadilaroj. Sub tiuj neimageble pezaj cirkonstancoj la vjetnamaj esperantistoj agis vere mirinde.

Pri tio ni raportis en „der esperantist" kaj pri tio elokvente raportas la prezidanto de VPEA, Nguyen Van Kinh en sia artikolo.

Lastan fojon antaŭ granda devigita paŭzo vjetnamaj esperantistoj partoprenis Universalan kongreson 1959 en Varsovia. Pliajn vizitojn de Eŭropo malebligis la milito. 1972 unuafoje denove vjetnamaj amikoj vizitis eŭropajn landojn, inter alie Bulgarion kaj Sovetunion. 1973 delegitaro de VPEA partoprenis la MEM-konferencojn kaj -kunsidojn en Beogrado. Reprezentantoj de CLR havis la ĝojan eblecon kaj 1972 en Bulgario kaj 1973 en Beogrado persone rekonfirmi tiun nian jam longedaŭran profundan amikecon kun niaj vjetnamaj geamikoj. Kaj nun ĉijare, en 1974, finfine ni havas la grandan ĝojon povi inviti dumembran oficialan delegitaron de Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio al amika restado en nia respubliko. En la tempo de 18a ĝis 26a de julio 1974 ili vizitos diversajn urbojn de GDR kaj parolos en solidarecaj aranĝoj. Tiu ilia vizito en nia lando estu al ni nova stimulo por daŭrigi kaj plifortigi nian solidarecon. Mi tial alvokas vin, karaj esperantistoj de GDR, materie subteni tute speciale la aĉeton de la necesaj flugbiletoj. „Berlin—Hanojo—Berlin". En la distriktoj kaj subdistriktoj estos ofertataj specialaj esperantistaj grafikaĵoj por vendi ilin por tiu celo. Mi do fidas denove al via jam tiel ofte montrita solidareca sento. En tiu-ĉi senco: Solidarecon, speciale nun!

*Rudi Graetz, Prezidanto de Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR*

---

(resto de pĝ. 4)

Tiel. Esperanto efektive fariĝis forta ligilo inter ni kaj sendube ĝia rolo nur kreskos tagon post tago sur diversaj kampoj de kulturo, literaturo, scienco kaj sociagado, ne kiel armilo de konkero de tiu nacio kontraŭ alia nacio, sed kiel armilo de justa memdefendo, samtempe vera ligilo inter la justamaj kaj pacamaj koroj sur nia blukolora tero, kie devos fine regi nur paco kaj amikeco de ĉiuj popoloj.

Februaro de 1974

# Gemeinsame Erklärung

# Komuna deklaro




Der Weltfriedensrat (WPC) und das Internationale Komitee der Weltfriedens-Esperanto-Bewegung (MEM), davon ausgehend, daß es notwendig ist, alle gesellschaftlichen Kräfte zu vereinigen, die um den Frieden ringen,

in Erwägung dessen, daß MEM viele Tausend Esperantisten in verschiedenen Ländern vereinigt, sich an den wichtigsten vom WPC organisierten Kampagnen beteiligt, periodisch die Zeitschriften „Paco" und „Pacaktivulo" herausgibt,

anerkennend, daß die Zusammenarbeit beider Bewegungen der Stärkung des Friedens dienen würde, die Kontakte zwischen Friedensfreunden verschiedener Länder sowie ihren Erfahrungsaustausch vereinfachte,

erklären, daß sie beschlossen haben, aktiv zusammenzuarbeiten, Informationen über Veranstaltungen und Erfoge ihrer Arbeit auszutauschen und sich auf internationalen Kongressen, Konferenzen usw. gegenseitig zu vertreten.

WPC und das IK der MEM empfehlen allen nationalen Provinz- und Stadtfriedenskomitees und allen nationalen Sektionen der MEM, ihren Gruppen und Repräsentanten, gegenseitige konstante Kontakte herzustellen, mit dem Ziel, die internationale Hilfssprache Esperanto zur Festigung ihrer internationalen Beziehungen in breitem Maße zu nutzen und die Esperantisten zur aktiveren Mitarbeit in

La Tutmonda Paca Konsilantaro (WPC) kaj Internacia Komitato de la Mondpaca Esperantista Movado (MEM), bazante sin je neceso unuigi ĉiujn sociajn fortojn, luktantajn por paco,

konsiderante, ke MEM unuigas multajn milojn da esperantistoj en diversaj landoj, partoprenas la plej gravajn kampanjojn, organizitajn de WPC, periode aperigas revuojn „Paco" kaj „Pacaktivulo",

agnoskante, ke la kunlaboro de ambaŭ Movadoj bone servus la plifortigon de paco, plifaciligante kontaktojn inter diverslandaj pacamikoj kaj ilian spertinterŝanĝon,

deklaras, ke ili decidis efektivigi la reciprokan, aktivan kunlaboradon, inkluzive la informadon pri iliaj aranĝoj kaj atingoj, interŝanĝadon de la konformaj informoj, praktikadi reciprokan reprezentadon ĉe internaciaj kongresoj, konferencoj k. t. p.

WPC kaj IK MEM rekomendas al ĉiuj naciaj, provincaj kaj urbaj packomitatoj kaj al ĉiuj naciaj sekcioj de MEM, ĝiaj grupoj kaj reprezentantoj starigi reciprokan, konstantan kontakton, celantan plej vastan uzadon de la internacia helplingvo Esperanto por plifirmigo de iliaj internaciaj rilatoj kaj por altiri esperantistojn en aktivan agadon en la pacorganizaĵoj.



## *Per grafiko kaj pafilo*

*Antaŭ nelonge vizitis nin gesamideanoj el Hungario, Zoltán Váli kun sia edzino. Kiuj estas tiuj homoj? — Jen mallonge la plej gravaj indikoj pri ili.*

*Zoltán Váli*

Zoltán Váli naskiĝis en 1910, unuenaskito de malriĉa helptajloro. Lin sekvis ankoraŭ sep gefratoj, el kiuj sole li povis studi pli altgrade. Li iĝis instruisto, sed manke de ofico li provis serĉi bonŝancon eksterlande, tiel ankoraŭ plialtigante la nombron de liaj elmigrantaj sampatrianoj. En la franca urbo Rouen li laboris dumtage kiel fabriklaboristo, sed poste en la École Régionale des Beaux-Arts li studis grafikon kaj gajnis unuan premion je la jarfina ekspozicio. Tie komenciĝis lia „kariero" ankaŭ en la laborista movado. Pasie li desegnis kaj disvastigis flugfoliojn, agitadis ktp. Sub nomo de Jaques Vaillant li aliĝis al la Franca Komunista Partio. Sed la patrio ankaŭ bezonus lin. Tiam, sen multpromesaj esperoj li hejmeniris, ĉar el la malproksima fremdlando li ekkonis, ke al Horthy-Hungario necesas sia komunista agitista filo.

En 1932, post dusemajna priakcepta ekzameno li iĝis studento de la Belarta Altlernejo de Budapest, kio ŝajnis al li miraklo. Sed la talenta pentrista studento je la fino de la jaro „falis", t. e. la polico kaptis lin. Pezegaj provoj komenciĝis. Grava stacio estis dum la daŭro de tiuj jaroj tiu, kiun li pasigis en la Brikfabriko Nagybatong-Ujlaki, kie li

---

(resto de paĝo 7)

den Friedensorganisationen zu gewinnen.

Wir bitten alle Friedens- und MEM-Organisationen, uns periodisch über ihre Aktivitäten zu informieren.

Im Auftrage des WPC

Romesh Chandra,
Generalsekretär

Im Auftrage des IK der MEM

Nikola Aleksiev
Präsident

Ni petas ĉiujn Pac- kaj MEM-organizaĵojn informi nin periode pli iliaj aktivecoj.

Komisiite de WPC

Romesh Chandra
Ĝenerala Sekretario

Komisiite de IK de MEM

Nikola Aleksiev
Prezidanto

organizis la laboristojn, kiel elprovita militisto de la movado. Plurfoje li estis arestita. Poste li ekiris, nun jam la duan fojon, al Francio. — La modesta, juna, hungara pentristo, fidelulo de siaj principoj, anonciĝis en Parizo ĉe la oficejo de la Internaciaj Brigadoj de Hispanio.

Same kiel la 30 000 aliaj, ankaŭ li trapenetris la senvojajn Pireneojn por helpi la heroan, superhoman liberecbatalon de la hispana popolo kontraŭ la pli kaj pli forte disvolviĝinta faŝismo. Li alvenis en la fortikaĵon de Figueras kaj post iom da ekzercado en la pola Brigado Dombrowski, sub komando de la hungara „Ĉapajev" — Miĥaelo Szalvaj.

Ĉe la lasta granda ofensivo de la Ebro li vundiĝis, sed bandaĝite li plu batalis.

En septembro 1938 la Internaciaj Brigadoj estis eltiritaj sub kontrolo de la tiama. Ligo de Nacioj. Same tiel estus devinta fari la ribeluloj kun la germanaj kaj italaj faŝistaj armeoj, sed tio ne okazis. Kontraŭe, ili atakis kaj rompis al si vojon pli antaŭen. Tiam la Internaciistoj ekprenis denove la armilon, — multaj kun ankoraŭ freŝaj cikatroj, — por malfruigi la faŝistan antaŭenmarŝon kaj tiel ŝirmi la rifuĝantajn amasojn. Zoltán Váli kune kun ili batalis ĝis la franca-hispana landlimo.

Kvankam la hispana popolo kaj la Internaciaj Brigadoj luktis por la respubliko kontraŭ la itala kaj germana nacia agresema faŝismo, tiel defendante ankaŭ la fratan francan respublikon, tamen la registaro socialdemokrata de Leon Blum perfidis ilin multoble. Jam per la politiko t. n. „neinterveno" Blum sufokis la hispanan respublikon. La rifuĝintoj trovis ĉe la franca limo — rakontas al ni nia samideano — nenombreble multe da vagonaroj plenaj da armiloj kaj varoj necesaj por vivo kaj triumfo, kiujn la franca registaro ne translasis. La rifuĝintoj mem estis akceptitaj kiel krimuloj en koncentrejoj, sen ia prizorgo.

Dum du jaroj Z. Váli ekkonis tri koncentrejojn: St. Cyprien, Curs, Argelès-sur-Mer. La internaciistoj ankaŭ en mallibero vivis en disciplinemo kaj prepariĝis al la estonto. Ĉiuj faris kaj lernis ion, — fakon, lingvojn, politikon; inter ili ja ankaŭ Váli. Oni povas diri, ke li maturiĝis fakte tie kiel pentristo-grafikisto, ĉar la servado de la partio, la politikaj eventoj dum la faŝista invado de Francio kondukis lin sur la kampon de la agitantaj afiŝoj, flugfolioj, ilustraĵoj kiuj pretendas kaj kuraĝon kaj certan ambicion. Li ilustris i. a. la gazeton UNIDAD, eldonita per la hungara grupo, kaj plurajn albumojn.

Komence de la jaro 1941 li eskapis. Tra Marseljo, post aventuraj etapoj, — prizono kaj denove fuĝo, — li atingis Parizon. Laŭ la ricevita instrukcio li volis hejmeniri, ĉar taskoj atendiŝ lin tie. Sed la sorto ofte ŝanĝas la intencojn. Polico el la alia, neokupita parto de Francio trovis kaj arestis lin en Parizo okupita. En la „Palaco de Justico" li estis kondamnita je kvar monatoj. Tiel li havis okazon ekkoni interne la faman instituton de la strato Santé, poste de Fresnes. La puno estis plenumita, sed li ne estis liberigita, ĉar li havis nenian legitimilon. Oni enfermis lin en internigejon (les Tourelles), de kie estis prenitaj la garantiuloj. Post kelkaj monatoj li estis forportita labori en la montaron de Ardenoj. Sed intertempe li jam trovis interrilaton kun partizanoj. Li surprenis la taskon amasigi kaj ekspedi eksplodilojn, municiojn forlasitajn tie je la komenco de la milito.




*Paco - de Z. Váli*

*Virinatago*

Krome li faris ankaŭ afiŝojn, kiuj sur la muroj de Parizo instigis la popolon al unuiĝo kaj batalo kontraŭ la invadintoj; lignogravuraĵojn por kartoj de solidareco rekompence al tiuj, kiuj materie, finance helpis la reziston. Aniĝis li ankaŭ al Milico Patriota.

La 18an de aŭgusto 1944 Parizo liberigis sin mem. Ankaŭ li partoprenis la batalon. Liaj afiŝoj atentigis la popolon, ke la lukto ankoraŭ ne finiĝis, la faŝista sovaĝbesto ne estis mortigita.

Post la liberiĝo de Francio Z. Váli restis tie ankoraŭ iom da tempo. En la franca kaj hungara movadoj, li plenumis diversajn estrarajn rolojn. Hejmenirinte — en decembro 1948 — li komencis labori kiel grafikisto. Sed la renoviĝinta, kun nenombreblaj problemoj baraktinta belarta vivo vokis lin. Li estis elektita sekretario de la Hungara Belarta Asocio, kiun li devis ankoraŭ konstrui, organizi.

Post la kontraŭrevolucio de 1956 li denove prenis armilon por defendi la popoldemokration; li aniĝis al Laborista Milico. Dume li partoprenis la plej gravajn ekspoziciojn. En 1961 estis organizita lia memstara resuma ekspozicio en la Belarta Salono (Mucsarnok) de Budapest, — kaj en pluraj urboj de Hungario per „migranta ekspozicio".

La plej konataj estas liaj lignogravuraĵoj: inter ili la serioj pri la kontraŭrevolucio de 1956, — kaj pri la unua konsilantara respubliko de Hungario en 1919.

Kun sia edzino, — ankaŭ desegnistino, kunlaborantino de la gazeto „Juna Amiko", — ili feriadis 1973 ĉe la Balta Maro, en Kühlungsborn. Sur la vojo hejmenirante ili haltis en Berlin kaj petis nin, transdoni al ĉiuj niaj legantoj iliajn tutkorajn kamaradajn kaj samideanajn salutojn.

Ni faras tion nature kun plezuro.

---

**Interlingvistikaj aktivecoj**

La fakgrupo interlingvistiko/esperantologio sisteme daŭrigas siajn aktivecojn. La 2. 3. 74 ĝi diskutis preskaŭ 100 paĝan materialon pri la temo „La evoluo de la internacia lingva komunikado depende de la evoluo de la produktivaj fortoj", ellaboritan de Karl Raabe. La 27. 4. 74 en Leipzig okazis la entute jam tria scienca kolokvo por neesperantistaj sciencistoj. Prelegis d-ro W. Ruff pri „La internacia lingva komunikado en sciencoj", prof. d-ro Viktor Falkenhahn „lernunuoj en Esperanto kaj naciaj lingvoj". Detlev Blanke „objekto kaj signifo de interlingvistiko". La prelegoj elvokis tre interesajn diskutojn.



# Mia konatiĝo kun Esperanto

*La foto montras (de maldekstre) Otto Bäßler, Gerhard Bierbaum, Bill Keable (esp. veterano el Anglio), Frieda Bäßler.*

Dum la jaroj mallonge antaŭ starigo de la Hitler-faŝista potenco en Germanio mi foje jam konatiĝis kun la internacia lingvo Esperanto, sed tiam nur nekonscie. Nu, mi estis en 1932 ja nur 7-jaraĝa knabeto, kiam mia patro Alfred B., kelkfoje akceptis alilandajn geesperantistojn, interalie eĉ iujn el Anglio. Krome li korespondis kun multaj pacamikoj el diversaj landoj, precipe kun sovetaj kamaradoj.

Post kiam Hitler estis stariginta kruelan potencon en nia patrio, la unuaj persekutoj celis al komunistoj kaj socialdemokratoj. Tiel ankaŭ mia patro estis enkarcerigita en malliberejon en novembro 1933. Li suferis dum proksimume 2 jaroj en karcero laŭnome „Kastelo Paska Ŝtono", germane „Schloß Osterstein", kiu situis en la mezo de la karbo-minista urbo Zwickau. Li revenis hejmen en 1935 nur post deklaro, donita de li al tiuj faŝistoj, ne plu politike agadi kontraŭ tiu reĝimo. Memkompreneble tio ankaŭ por Esperanto signifis la finon. Mia patro havis la feliĉon ne esti deportita en iun koncentrejon, kiuj ja ne nur troviĝis en la ceteraj eŭropaj ŝtatoj sed same en Germanio.

Depost fine de la jaro 1935, kiam mia patro pasigis kelkajn jarojn ĉe ni hejme, li instigis min lerni Esperanton. Sed kiel 10jaraĝa filo mi ne obeis tiujn instigojn kaj konsilojn de mia patro. Lia strebado estis, eduki siajn du filojn al progresemaj kaj pacamaj civitanoj, kiuj devus stari sur „propraj piedoj" per „klara kapo" kaj ne timante ĉiutagajn danĝerojn. Bedaŭrinde mi decidis tiam en 1937 lerni la anglan lingvon, rifuzinte Esperanton. Hodiaŭ mi pentas tion. Do, mia patro estis dum la t. n. „Eterna Tria Regno" denove persekutata, oni devigis lin al tiu fikonata puntaĉmento 999 en la jaro 1942. En 1944 li mortis pro treegaj turmentadoj en hospitalo por puntaĉmentanoj en Bad Kreuznach. Ankaŭ mi servis dum tiu tempo ĉe la faŝista armeo kaj eksciis pri morto de mia patro perletere de mia patrino. Denove nenia bonŝanco por mi, esti konfrontata kun Esperanto, ĉar krome ĉiuj lernolibroj de mia patro estis forbruligitaj. Post la militfino necesis novkonstrui nian plene detruitan landon kaj urbon, la loĝantaro devis reviglig nian paralizitan popolmastrumadon. Pro tio mi tute forgesis Esperanton.

Subite en la jaro 1969 okazis io stranga, neatendita. Iutage mia patrino ricevis germanlingve skri-

bitan leteron el Smolensk, de iama Esp.-kamarado de mia patro, laŭnome *I. D. Krolik.* Li esploris helpe de Karl-Marx-Stadt-aj Esp-kamaradoj *Willy Weißbach* kaj *Alfred Müller* kaj per kunagado de *Otto Bäßler* el Leipzig, ke mia patrino, vidvino de lia iama korespondanto *Alfred Bierbaum* el la dudekaj jaroj, ankoraŭ vivas.

Oni devas scii, ke mia patro estis konstanta esperantista korespondanto por la Smolenska gazeto „Rabotĉij putj" (laborista vojo). Inter alie li skribis artikolon „La kirasŝipa partio", kiun J. Krolik tradukis el Esperanto en la rusan. Hodiaŭ la foto de mia patro havas honoran lokon en la Smolenska Muzeo. Do Isaak Krolik retrovis la familion de sia korespondanto. Tiamaniere komenciĝis nova amikeco inter la familioj Krolik el Smolensk kaj Bierbaum el Karl-Marx-Stadt, ĉifoje bedaŭrinde nur kun la postvivantoj de Alfred Bierbaum. Post reciprokaj vizitoj de niaj familioj en Smolensk/Sovetio kaj Karl-Marx-Stadt/GDR kaj renkontiĝo inter k-do Krolik kaj GDR-Esperantistoj en Einsiedel kaj Burkhardtsdorf/Ercmontaro, kiun mi partoprenis, mi ekkuraĝis studadi nian belegan lingvon.

*Gerhard Bierbaum*
*Karl-Marx-Stadt*

---

**Fine ĝi aperis!**

*de Bruno Apitz, tradukis d-ro Karl Schulze,*
*lingve kontrolis Jerzy Grum.*

## „Nuda inter lupoj"

Sur 480 paĝoj en verva lingvaĵo la romano pritraktas la sorton de arestitoj, kiu estas ligita al eta infano en la fifama faŝisma koncentrejo „Buĥenwald".

Atentokapta verko kun alta streĉo kaj animskua enhavo.

Mendu ĝin tuj ĉe la eldonejo Edition Leipzig, 701 Leipzig, Postfach 340. Sovetunianoj ĉe Knigeksport, Moskau A 183, 4-yi Nowomichailowskij proezd, dom nr. 11. Esperantistoj en aliaj socialismaj landoj ĉe la internaciaj librovendejoj. Esperantistoj el nesocialismaj landoj rekte sin turnu al la eldonejo.

## „Kiel pliviglîgi la grupojn?“ (III)

### Pri varbado

Eminente grava por la „nutrado“ de la grupo per novaj membroj kompreneble estas la varbado. Diversas la opinioj pri tio, kiu varbmaniero estas la plej efika. Verŝajne estas entute neeble paroli pri „plej efika“ varbmaniero, ĉar ĉiam decidaj por sukceso de la varbado estas la konkretaj cirkonstancoj, kie tiu varbado okazas. Ni prilumu kelkajn kutimajn formojn.

1. Daŭre efika restas la persona informado en la konatulaj rondoj. Kompreneble tio estas sufiĉe ekstensiva metodo, sed ne malhavebla.

2. Kontinua kunlaboro kun la loka gazetaro donas bonan preparon por kursanoncoj. La praktiko montras, ke speciale en tiuj lokoj simpla anonco pri nova kurso havas sufiĉe da efiko, kie jam pli ofte eĉ malgrandaj informoj pri esperantistaj aktivecoj aperis. Tamen estas utile, ke tiuj informoj sin ne limigu je priesperantaj sciigoj, sed enhavu iun interesan informon ricevitan per aŭ kunlige al Esperanto. Nepre necesas pli bone uzi la uzinajn gazetojn, kiuj ĝenerale disponas pri pli da loko ol la tagĵurnaloj. (Cetere, pri gazetara laboro bv. kompari „der esperantist“ n-ro 55/56)

3. Afiŝoj nur tiam havas sencon, se ili anoncas prelegon pri Esperanto kaj estas gluitaj sufiĉe multnombre en la loko, ĉar ekzistas grandega amaso da diversaj afiŝoj kaj la homoj nur hazarde legas ilin pli detale. Afiŝoj en multe frekventitaj ejoj (ekz. vendejoj, atendejoj de kuracistoj k. t. p.), se eblus ilin tien pendigi, havus certan efikon.

4. Nepre konsilinde estas, prepare al nova kurso, organizi prelegon. Bona oratoro informu pri la utilo de Esperanto kaj ĝia internacia apliko. Gravas, ke la anoncita temo ne limigu sin je „Esperanto, ĝia signifo kaj aktuala rolo“ k. t. p. Multaj homoj, bedaŭrinde, ne asocias kun la vorto „Esperanto“ ankaŭ la nocion „internacia lingvo“. Tial estus pli preferinda simila temo kiel „La internacia lingvo Esperanto — ilo de popolamikeco“ aŭ simile.

5. Specialajn eblecojn de varbado (ekz. per prelegoj) ekzistas en kolektivoj de uzinoj, en la studentaj kluboj de universitatoj k. t. p. Kiel ero de la kultura plano prelego pri Esperanto povas bone efiki.

6. Kaj nepre ni ne forgesu la pretigon de ekspozicioj (ĉu kiel elemento de ĝenerala KL-ekspozicio, ĉu memstara, ĉu montrofenestra aŭ aliforma), kiuj donas ĝenerale bonan efikon.

   Konsilinde estas instali magnetofonaparaton, kiu, se amasiĝis sufiĉe da homoj, povus prezenti 5—8 minutan prelegeton pri Esperanto kaj kelkajn specimenojn de la lingvo mem (el la buŝo de eksterlandanoj). Oni ne forgesu informilojn (pri Esperanto, pri kursoj, lokaj grupoj k. t. p.) kiujn oni povas disdoni al interesitoj. Kaj ankoraŭ psikologie grava afero: la klariganto de la ekspozicio ne estu iu ajn! Li/ŝi estu prefere juna kaj trafe argumentkapabla.

Krome, kompreneble, ekzistas ankoraŭ tuta aro da aliaj eblecoj, speciale la nerektaj varbmanieroj. Ekzemple la praktika utiligo de Esperanto

## 8-a seminario en Thürmsdorf

Kiel ĉiujare ankaŭ 1974 speciala seminario por kursgvidantoj kaj aktivuloj (aŭ estontaj funkciuloj) de esperanto-grupoj okazis kun riĉa programo. En Thürmsdorf, ĉe Königstein (Dresdeno), 20 seminarianoj aŭskultis jenajn prelegojn:

- *aktualoj problemoj de reviziismo (Hans Heinel)*
- *politiko de paca kunekzistado hodiaŭ (s-ro Fleischmann)*
- *problemoj de la agado de esperantistoj de GDR (Rudi Graetz kaj Detlev Blanke)*
- *tradicioj de la laborista esperantista movado (Ludwig Schödl)*
- *ideologia strukturo de la internacia esperanto-movado (Detlev Blanke)*
- *problemoj de la evoluo de scienco sub la kondiĉoj de la scienca-teknika revolucio kaj la internacia komunikado (d-ro Peter Ruff)*
- *metodoj de la instruado de Esperanto (d-ro Till Dahlenburg)*
- *pri la sciencaj aspektoj de Esperanto (Detlev Blanke)*
- *impresoj en arabaj landoj (diapozitiva prelego de Rudi Graetz)*
- *konsideroj de lingvisto pri Esperanto (sonbendprelego de prof. Falkenhahn).*

Krome ĉiumatene Ludwig Schödl gvidis duhorajn lingvajn ekzercojn. Du kandidatoj sukcesis en ekzameno (ŝtupo B).

La partopreno de la 7-taga seminario estis preskaŭ senpaga (se oni ignoras la bagatelan sumon de M 1,50–3,50 potage). Vojaĝkostojn same repagis Kulturligo.

Entute la seminario donis al ĉiuj partoprenintoj multajn novajn impulsojn kaj scion por la plua agado.

---

(resto de pĝ. 13)

por iuj konkretaj celoj, utilaj al la kolektivo, kie oni laboras, ofte estas pli efika ol prelego pri Esperanto mem k. t. p.

Ĉiukaze oni evitu altrudeman varbadon. Simpla, iom modesta (!) informo estas pli efika ol facile ekkonebla fanfaronado. Oni ĉiam havu paciencon, eĉ se venas la konataj stultaj antaŭjuĝoj. Por multaj homoj, starantaj ekster niaj vicoj, diversaj problemoj de IL ne tuj estas memkompreneblaj. Ili ja antaŭe eble ne tro funde pensis pri tiu afero. Ni diference laŭ la kunparolanto argumentu, ĝuste taksante la situacion. Kompreneble lingviston interesas aliaj aspektoj de Esperanto ol laboriston k. t. p. (komparu cetere „kelkaj konsideroj pri argumentado kaj argumentoj" Paco 1971 (GDR-eldono); „de" n-ro 52, paĝo 20)

Ĝenerale ŝajnas, ke ni devas plifortigi niajn klopodojn por gajni novajn interesitajn, membrojn.

(Daŭrigota)

## Ĉu membri en KL aŭ ne?

En sia artikolo pri IFA („de“ 61/62, paĝo 12) Ludwig Schödl, atentigante pri nemembriĝemaj al KL esperantistoj (ni nomus ilin „ankaŭesperantistoj“), prave skribas *„Kiuj nun restas ekster niaj vicoj pro malsimpatio al Kulturligo, do simple perfidas la progresemajn, humanisman sintenon de niaj viktimoj...“*. Certe, mi kredas, ofte ne iu „malsimpatio“ al KL detenas iujn esperantistojn de la membriĝo. Kelkaj tute ne komprenis, ke ne temas pri membriĝo al iu eble por li/ŝi kvina aŭ sesa socia organizaĵo. Temas pri tio, ĉu oni ĉiam nur prenu ion de la organizaĵo aŭ ankaŭ havas la moralan devon, ion doni al ĝi. Kion donas KL al organizita (aŭ neorganizita) esperantisto? Nu, KL certigas, ke entute iu esperantista agado eblas kaj evoluas en GDR. Tio jam en si mem estus sufiĉa kaŭzo, por ĉiu esperantisto membriĝi al tiu organizo.

Konkrete la KL

— *financas la tutan profesian kaj honorofican aparaton, kiu laboras por Esperanto;*
— *eldonas kun forta financa subvencio „der esperantist“. Kaj aliajn materialojn;*
— *organizas la plej diversajn lokajn, distriktajn kaj tutrespublikajn esperantistajn aranĝojn;*
— *reprezentas la intereson de la esperantistoj antaŭ ŝtataj kaj sociaj organoj.*

Ĉion-ĉi fakte KL faras ankaŭ por la nemembriĝintaj esperantistoj. Ĉu do estas en ordo resti nemembriĝintaj? Mi kredas, ke ne.

Kompreneble, ne havas sencon tuj varbi ĉiujn anojn de iu nove fondita kurso por komencantoj. Multaj, kiuj forlasos la kurson, ja fariĝus la tiel nomitaj „kartotekaj kadavroj“ (bela vorto) kaj nur falsigus la statistikon.

Sed pli seriozaj, jam iom aktivantaj esperantistoj (aŭ fariĝontaj aktivuloj) certe devus konsideri membriĝon al KL. Oni ne forgesu, ke sole la filatelistoj en KL havas pli ol 70 000 membroj, la naturamikoj 40 000, simile la fotoamatoroj k. t. p. Ĉu 1—2 miloj da esperantistoj tro impresos? Jes, eble per ilia laboro, *sed membreco al KL vere devas esti io tute komprenebla.*

D. B.

---

### Skribas niaj legantoj

*El letero de J. Krolik (Smolensk — 25, ul. Bagrationa, d. 16, kv 16, Sovetunio)*

La Smolenskaj esperantistoj korespondis en la 20-aj jaroj kun partoprenintoj de revolucia ribelo en Hamburg. Unu el ili estis *Willi Willendorf,* kiun la klasa juĝo malliberigis por kelkaj jaroj. En la Smolenska ĵurnalo „Laborista vojo“ (Raboĉij putj) estis presitaj en januaro, februaro kaj julio 1927 tri liaj leteroj el la malliberejo Grooden, skribitaj en Esperanto kaj tradukitaj de smolenskaj esperantistoj.

Mi tre deziras ekscii pri la sorto de tiu esperantisto, kunbatalanto de E. Thälmann, kio okazis kun li en la sekvontaj jaroj, en la jaroj de faŝista reĝimo kaj dua mondmilito. Povas esti, ke iu el Hamburgaj Esperantoveteranoj povas rakonti pri la samideano Willi Willendorf ...

## *Andrzej Pettyn gvidis kurson*

La distrikto Cottbus (lime al Pollando) ĝis nun ankoraŭ ne disponis pri organizita esperantista agado. Interesuloj tamen ekzistis, eĉ pli ol 100, kiel la kolektita adresaro pruvis. Post kunveno de 50 da interesitoj, kiun partoprenis la prezidanto kaj la sekretario de CLR, oni decidis krei necesan komencon en la laboro. Por tio inter alie devos zorgi intensa kurso, donanta la necesajn impulsojn por aŭtodidakta pliperfektiĝo aŭ eĉ por gvidado de kursoj. De 18.—23. februaro 1974 tiu kurso realiĝis en la vilaĝo Altdöbern (ĉe Calau), la konata pola lernolibro-aŭtoro kaj redaktoro en la Esperanto-redakcio de Radio Varsovio, ĝen. sekretario de PEA, Andrzej Pettyn, instruis al 25 novuloj la bazan scion en Esperanto. Sed tio ne estis seka gramatikado, sed viva kaj sprita dialogado pri ĉiutagaj temoj. Post ĉirkaŭ 40 horoj dum tiuj 5 tagoj, la gelernantoj disponis pri admirinde alta kompren- kaj parolkapablo.

Mi nur memoras 17jaraĝan knabon, kiu respondis sprite kaj korekte al dudeko da (ja trejnitaj) demandoj, tiel montrante certan jam bone videblan praktikan (eble ne teorian) lingvoscion. Ĝojinde estas, ke inter la partoprenantaro estis multaj junaj (kaj ĉarmaj inaj) homoj. Jam kelkaj el la kursanoj deklaris pretecon gvidi mem kurson. Pettyn ja ne nur tre efike kaj verve instruis la lingvon, sed same instruis kiel instrui. Tial kelkfoje la kursanoj anstataŭis la instruiston mem, dialogigante la kursanaron. La kursanoj tre kontentis kun sia instruisto kaj eble, aŭ espereble, same la instruisto kun siaj gekursanoj. Instruo el la tuto, tirebla por nia laboro ankaŭ en aliaj distriktoj eble estas jena: *Intensaj kursoj kun eksterlandaj instruistoj donas fortan antaŭenpuŝon al la movado.* Kial?

— Tiu kurso, en atrakcia maniero gvidita, enkondukas intensive en la lingvon en tioma grado, ke komencantoj ricevas tian rilaton al la lingvo, ke aŭtodidakta plustudo eblas kaj ĉe kapabluloj, eĉ gvido de kurso.

— Tiu kurso kun eksterlanda instruisto prezentas vivan lingvaĵon. La uzo de la lingvo mem en la kurso jam montras la praktikan funkcion de Esperanto, kio estas pli efika ol dek prelegoj pri la funkcikapablo de Esperanto.

*Kion oni i. a. devas atenti organizante tian kurson?*

— La kurso devas sin memfinanci.

— Necesas asistanto de la instruisto, kiu, en necesa okazo, tradukos gramatikajn klarigojn.

— La kursejo povas esti iu sindikata domo, internulejo de studentoj (dum ferioj) aŭ similaj entreprenoj.

— Pruviĝis kiel taŭge, ke ankaŭ kelkfoje vespere estu iuj programoj aŭ prelegoj pri esperantistaj temoj. (en Altdöbern Rudi Graetz pri agado de esperantistoj en GDR kaj Detlev Blanke pri politika kaj scienca valoro de Esperanto).

Do — aliaj distriktoj kaj subdistriktoj estas alvokataj pripensi eblecon organizi intensajn kursojn. Interesuloj troviĝos. CLR ĉi-rilate volonte konsilos kaj helpos perante eksterlandajn kursgvidantojn kaj kunvarbante partoprenantojn por similaj kursoj. D. B.

**METODIKO**

# Pri la utilo de studrondoj

*Ni represas mallongigite la metodikajn rimarkojn de Andrzej Pettyn, kiujn li faris enkonduke al la intensa kurso de 18.–22. 2. 1974 en Altdöbern, distrikto Cottbus. Certe tiuj pripensoj multe utilos al niaj kursgvidantoj.*

„... Dum tiu ĉi intensa kurso de Esperanto mi planas realigi tri ĉefajn celojn. Unu el tiuj ĉi celoj estas instrui al vi la fundamentan scion de la lingvo, por ke vi povu jam post kelktaga lernado interkompreniĝi per proksimume 400 vortoj kaj per la uzo de 50 bazaj frazo-strukturoj. Kvankam mi elektis nur 50 bazajn frazostrukturojn, ili tamen permesos tute libere kaj facile baldaŭ formi pli ol 2000 diversajn dialogvariantojn...

La dua ne malpli grava celo, kiun mi planis por ĉi tiu kurso estas instrui al vi, kiamaniere vi mem lernu post la finiĝo de ĉi tiu intensa, sed pro komprenebla neceso limigita kurso de Esperanto, por ke vi povu memstare profundigi vian lingvokonon.

Fine la tria, sed kredeble preskaŭ samegale grava celo estas instrui al vi, kiamaniere vi instruu Esperanton al aliaj personoj en kelkpersonaj grupoj, konataj en la Esperanto-movado sub la nomo „stud-rondoj“.

Tiu ĉi tria celo rezultas el la aktuala situacio, en kiu troviĝas la Esperanto-movado en ĉiuj landoj. Temas nome pri tio, ke al la kursoj de Esperanto – precipe en malgrandaj urboj – ne ĉiam aliĝas multe da personoj. Oftfoje oni eĉ ne sukcesas starigi 10-personan grupon. Kion do oni faru, se aliĝas nur 4, 5 aŭ 6 personoj? Ĉu tio signifas, ke tiuj personoj ne lernu Esperanton? Certe ne. Por tiuj personoj valoras starigi stud-rondon, kiu funkcios laŭ la principoj de memlernado sub la gvido de bona esperantisto. El miaj propraj spertoj mi scias, ke tiaj stud-rondoj tre ofte atingas bonegajn rezultojn. Iafoje en tiaj stud-rondoj lernas familianoj – edzo, edzino, onklo, najbarino el la sama blokdomo. Similaj stud-rondoj bone sukcesas en labor-entreprenoj, kultur-domoj, lernejoj ktp.

Prenante en konsideron la ŝanĝojn efektiviĝantajn en nia vivo, la ĉiaman rapidemon, la kreskon de la diversaj devoj profesiaj, sociaj kaj familiaj ni scias ke multnombraj vesperaj kursoj de Esperanto por plenkreskuloj ne havas grandajn perspektivojn, aliflanke tamen konturiĝas tre belaj perspektivoj por la agado de la tiel nomataj stud-rondoj, por kelkpersonaj grupoj de memlernantoj.

La afero estas klara: tutcerte estas pli facile kunveni unu aŭ du fojojn en la semajno en malgranda grupo (pli facile estas elekti konvenan por ĉiuj tempon), ol en granda grupo.

Estas ankoraŭ aliaj avantaĝoj de la gvidado de tia studrondo, pri kiuj valoras diri. Jen gvidante tian stud-rondon, vi mem profundigos vian lingvokonon. Antaŭ jaroj mi mem tion spertis. Kiam mi fariĝis gvidanto de stud-rondo, mi parolis Esperanton tre malbone. Dum la gvidado de

la stud-rondo mi akiris tian lertecon, ke mi povis jam tute libere, tute flue uzi la lingvon en la parola formo.

Ĉi-momente mi tuŝis aferon, kiun ne eblas preterlasi. Mi lernis Esperanton antaŭ jaroj en la kurso, kiu estis gvidata laŭ la klasika metodo gramatika-traduka. Kiel montras la nomo mem, oni instruis al ni la gramatikon, kaj en la instruado la fundamenta kaj preskaŭ unusola ekzerco estis tradukoj el Esperanto en la polan lingvon kaj inverse. Se mia kursgvidanto estis en bona humoro, li dediĉis iom da tempo al konversaciado, sed estante denaska babilemulo preskaŭ ĉiam parolis li dum mi kaj la ceteraj kursanoj ĝentile aŭskultis kaj ĝojis, ke ni komprenas. Cetere inter konversacio kaj konversacio estas granda diferenco. Estas bedaŭrinda afero, ke ne ĉiuj instruistoj de Esperanto rimarkis tion, ne ĉiuj konscias pri tio, ke en la lastaj tri jardekoj — pro la evoluo de la aplikata lingvistiko — la vidpunktoj pri la instruado de Esperanto ege ŝanĝiĝis, principe ŝanĝiĝis.

Kiam ni parolas en nia gepatra lingvo, niaj eldiroj estas tutcerte rezulto de la viv-sperto akirita hejme, en lernejo, en labor-entrepreno ktp. Depende de la personeco de la parolanto, depende de lia viv-sperto, klereco kaj instruiteco, depende de lia interesiĝo kaj emociiĝo pri la konversacia temo — ni kondutas lingve ĉi tiel kaj ne aliel. Niaj eldiroj estas pli aŭ malpli spontanaj, pli aŭ malpli naturaj kaj pli aŭ malpli korektaj formale.

La afero aspektas tute alie precipe en la komenca fazo de de la lernado, kiam ni lernas Esperanton, kaj do ne la gepatran lingvon, sed Lingvon por ni fremdan. Ni tiam dependas de frazoj, de pli aŭ malpli grandaj tekstoj truditaj al ni de la instruisto aŭ lernolibro. Kaj ĉi tie estas „la hundo enterigita!" Sufiĉe ofte la lernolibro aŭ la instruisto, kaj iafoje okazas, ke ambaŭ, ne ligiĝas laŭkonversacie kun viv-spertoj. Se efektive tiel estas, tio signifas, ke ili (la tekstoj, la instruisto) ne engaĝas nin emocie en la lernadon kaj rezulte — la valoro de tia lernado, respektive instruado estas nenia.

Al ĉio-ĉi aldoniĝas ankoraŭ unu nebagatela faktoro: Esperanton ni lernas plejparte en nia propra lando, ni do ne havas la okazon tuj uzi ĝin praktike, ni ne havas la okazon kion ajn aranĝi pere de tiu-ĉi lingvo kaj ni ne povas do elprovi la akiritan scion.

Antaŭ la instruisto de Esperanto aperas do tre grava tasko venki ĉiujn ĉi malfavorajn cirkonstancojn, kiuj volenevole akompanas la lernadon/instruadon.

El tio ĉi oni povas eltiri jenan konkludon: Esperanton oni devas instrui per la kreado de aŭtentaj lingvaj travivaĵoj, per konstanta referencado al la travivaĵoj de la kursanoj, al iliaj imagopovo kaj viv-spertoj. Temas pri tio, ke la frazoj eldirataj dum la lernado rezultu el la propraj spertoj de la kursano, ke ili konsideru liajn aspirojn kaj dezirojn, kiu motivo — kiel pruvas la sperto — engaĝas la kursanon emocie kaj plirapidigas la procezon de la ellernado de la lingvomaterialo.

Tia instruado estos proksima al la koro kaj menso de la kursano. Li tiam povos diri: tiu aŭ tiu afero rekte koncernas min mem, tiun situaci-

on mi bonege konas, similan momenton mi ankaŭ travivis kaj spertis aŭ mi povas ĉi tion bonege imagi, ĉar iam trafis min io simila.

Kreante aŭtentajn lingvajn travivaĵojn ni alkondukos al tio, ke la eĥo de ĉi tiuj travivaĵoj kaj situacioj lingvaj en kiuj ili aperos — fariĝos parto de la interna monologo de la kursano. Tiamaniere en la pensoj, per la okuloj de la imago, li oftfoje revenos al tiuj situacioj, per tio li aŭtomate plifirmigos la freŝe ekkonitajn frazo-matricojn.

Tio ĉi efektiviĝos tutcerte tiam, kiam la instruisto aranĝados en la klasoĉambro ver-similajn lingvo-situaciojn, prefere konversaci-formajn — elvokante emocian streĉitecon (dialogoj pri deziroj, aspiroj, planoj, intencoj sukcesoj aŭ malsukcesoj k. s.) kaj provokante eldirojn pri travivaĵoj proksimaj al la plejmulto de la homoj, strikte laŭ la antaŭpensita konversacia scenaro, enkadrigita en la naturan kuntekston de la ĉiutaga parolata Esperanto.

Andrzej Gettyn

---

**Unueca internacia alfabeto**

La kunlaboranto de la instituto por lingvistikaj esploroj en la akademio de la scienco de la Azerbajĝana SSR, Alimassed Kurdistani, ellaboris dum 30 jaroj unuecan internacian alfabeton. Li kolektis la skribospecojn de ĉiuj popoloj kaj kompilis komparajn tabelojn. Ili formas la fundamenton de la unueca alfabeto.

Lingvistikaj scienculoj el Sovetunio kaj eksterlando akceptis kun intereso tiun novan alfabeton kaj taksis ĝin altvalora. La scienculoj konstatis, ke tiu alfabeto plifaciligas la skriban fiksadon de la lingvo. Ĉiuj specifaj postuloj du iuj ajn ekzistantaj sur la terglobo lingvoj estas maksimume plenumitaj.

Reprezentantoj de UNO klarigis, ke tiu alfabeto estas speciale notinda inter 8 proponitaj projektoj. Enkonduko de la ĝenerala alfabeto plifaciligus la laboron de lingvaj instruistoj kaj plimallongigus la tempon bezonatan por lernado de lingvoj. Ankaŭ por vortaroj, mapoj kaj enciklopedioj tia alfabeto estus utila. (TASS)

## Grammatik des Esperanto in deutscher Sprache

Die Freunde des Esperanto in der DDR hatten zum Erlernen der Sprache bisher das Lehrbuch von Ludwig Schödl „Wer lernen Esperanto sprechen"" sowie die beiden Taschenwörterbücher Esperanto/Deutsch und Deutsch/Esperanto von E. D. Krause zur Verfügung (alle drei Werke im Enzyklopädie-Verlag erschienen).

Das Lehrbuch ist in seiner Originalauflage bereits seit langem vergriffen und nur noch als Fotonachdruck beim Zentralen Arbeitskreis Esperanto erhältlich. Sowohl dem noch lernenden als auch dem bereits erfahrenen Esperantisten fehlte bislang ein Werk, in dem auf jede Frage zur Grammatik eine Antwort zu finden ist. Dieses Werk liegt nun vor. Die „Ausführliche Sprachlehre des Esperanto" von Prof. Dr. Hermann Göhl, ein sauberer Fotonachdruck der Originalausgabe aus dem Jahre 1932, wird eine empfindliche Lücke schließen und wesentlich zur Erhöhung des sprachlichen Könnens der Freunde der internationalen Sprache beitragen.

Auf 300 Seiten (Format A 5) und in 340 Paragraphen werden behandelt: Aussprache und Schreibung, die 10 Wortarten, die Wortstellung sowie Fragen des Stils. Ein detailliertes Sach- und Wortregister ermöglicht es dem Benutzer, schnell und sicher den Paragraphen zu finden, der ihm zum gewünschten Problem Auskunft gibt. Die Grammatik ist auch gut für die älteren Sprachfreunde geeignet, die in der Schule die lateinischen grammatikalischen Bezeichnungen noch nicht gelernt haben. Göhl bietet meistens beide Bezeichnungen. In kurzen und klaren Regeln werden die grammatikalischen Erscheinungen erklärt und mit einer Fülle von Beispielen belegt, die z. T. aus Zamenhofs Werken stammen. Innerhalb der Erläuterungen befinden sich viele Hinweise zu anderen Kapiteln und Abschnitten. Besondere Anmerkungen weisen auf Schwierigkeiten bzw. oft gemachte Fehler hin.

Diese Grammatik gehört in die Hand eines jeden Esperantisten und ist zum Preise von 6 Mark erhältlich beim Zentralen Arbeitskreis Esperanto im KB der DDR (108 Berlin, Charlottenstraße 60).

(Resumo: Oferto de germanlingva gramatiko de Esperanto de Hermann Göhl, 300 paĝa, detala konsilanto, ricevebla ĉe CLR.)

---

**Skribante al redakcioj . . .**

En la lasta tempo diversaj grandaj GDR-ĵurnaloj publikigis ampleksajn artikolojn aŭ intervjuojn pri Esperanto. Kompreneble redakcio mezuras la intereson pri la pritraktita temo certagrade ankaŭ laŭ la ricevitaj leteroj. Do bone, ke ankaŭ esperantistoj skribis al „Freie Welt", „Urania", „NBI" ktp. Sed tute ne estas ĉiam saĝe, en tiuj leteroj skribi duan artikolon pri Esperanto, laŭdi la intervjuon el esperantista koro kaj eĉ aldoni faktojn el la propra esperantista praktiko. La ĵurnaloj ja **ne** celis informi la jam informitajn! Se ekzemple venis 20 leteroj kaj el inter ili evidente 15 de esperantistoj, tio signifas, ke fakte nur 5 celitaj personoj reagis. Do, se oni jam skribas (kaj oni nepre skribu), ne evidentiĝu la esperantisteco de la leterinto. Oni povas aldoni demandojn, substreki, ke la pritraktita temo estas grava, ke oni volonte scius iom pli pri tiu aŭ jena detalo aŭ problemo, ke oni ne bone komprenis tiun aŭ jenan vidpunkton, k. t. p.
Sed nepre oni ne malkaŝu sian esperantistecon Tio estas grava por ke la redakcioj konservu sian simpation pri Esperanto kaj eventuale pretu publikigi pluajn ĉi-temajn materialojn.

**In sprachwissenschaftlichen Zeitschriften der DDR**

Ende 1973 erschienen etwa gleichzeitig die beiden ersten wissenschaftlichen Veröffentlichungen in sprachwissenschaftlichen Zeitschriften der DDR über Esperanto bzw. zur Problematik einer Welthilfssprache.

In der „Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung", Band 26, Heft 1/2, 1973 (Chefredakteur Prof. Dr. Hans-Georg Maier), erschien eine detaillierte Rezension des „Plena Ilustrita Vortaro" (PIV).

Diese Rezension (S. 144–150), die von Detlev Blanke verfaßt wurde, würdigt das bisher umfangreichste Esperanto-Definitionswörterbuch, das mit seinen 1300 Seiten den Vergleich mit ähnlichen nationalsprachigen Werken standhält..

Der Rezensent geht auf die Entstehungsgeschichte des PIV ein, beschreibt Anlage und Aufbau des gesamten Werkes sowie der einzelnen Artikel und stellt interessante Vergleiche mit dem Enzyklopädischen Wörterbuch Esperanto-Deutsch von Eugen Wüster an.

Die Kritik an der falschen Definition mancher philosophischer und politischer Begriffe (z. B. materio, komunismo, militarismo) sowie die z. T. unhaltbare Darstellung der beiden deutschen Staaten macht deutlich, daß dieses sonst so gigantische Werk leider eine Reihe ernster Mängel hat.

Der Rezensent hebt aber trotzdem den Wert dieses Werkes hervor und weist durch seine Analyse indirekt die starke Entwicklung des Esperanto nach.

**En lingvistikaj revuoj de GDR**

Fine de 1973 proksimume samtempe aperis la unuaj du sciencaj publicaĵoj en lingvistikaj revuoj de GDR pri Esperanto resp. pri la problemo de monda helplingvo.

En la „revuo por fonetiko, lingvistiko kaj esploro de komunikado" Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung"), vol. 26, kajero 1/2, 1973 (ĉefredaktoro prof. d-ro Hans-Georg Maier) aperis detala recenzo de Plena Ilustrita Vortaro (PIV).

Tiu recenzo (paĝoj 144–150), verkita de Detlev Blanke, valortaksas la ĝis nun plej ampleksan Esperanto-difin-vortaron, kiu kun siaj 1300 paĝoj eltenas komparon kun similaj nacilingvaj verkoj.

La recenzinto tuŝas la historian devenon de PIV, pritraktas la aranĝon kaj konstruon de la tuta verko kaj faras interesajn komparojn kun la Enciklopedia Vortaro Esperanto-Germana de Eugen Wüster,

La kritiko de malĝustaj difinoj de kelkaj filozofiaj kaj politikaj nocioj (ekz. materio, komunismo, militarismo) kaj la parte ne akceptebla prezento de la du germanaj ŝtatoj evidentigas, ke tiu sendube giganta verko bedaŭrinde havas kelkajn seriozajn mankojn.

La recenzinto tamen substrekas la valoron de ĉi-tiu verko kaj per sia analizo pruvas la fortan evoluon de Esperanto.

In „Das Altertum" 1973, Heft 3, einer Zeitschrift, die sich vor allem mit den klassischen Sprachen und deren Kulturen beschäftigt (Chefredakteur Prof. Johannes Irmscher), erschien, ebenfalls von D. Blanke, ein 10seitiger Beitrag unter dem Thema „Die alten Sprachen und das Problem einer internationalen Welthilfssprache".

Diese Arbeit, ähnlich wie die PIV-Rezension mit zahlreichen bibliographischen Anmerkungen versehen, weist nach, daß die vielen Versuche, das Latein als internationale Sprache wieder zu beleben, schon aus rein philologischen Gründen untauglich sind.

Nach der Diskussion einer Reihe von Plansprachenprojekten, die u. a. einen hohen Anteil lateinischer Elemente haben, stellt der Autor das Esperanto als die beste Lösung vor und beschreibt besonders den Beitrag der lateinischen Sprache an der Entwicklung des Wortschatzes.

Abschließend fordert Blanke die wissenschaftliche Aufbereitung des umfangreichen Materials, das es bisher zur Frage einer internationalen Sprache bereits gibt.

Beide Studien, in Zeitschriften von hohem wissenschaftlichen Rang veröffentlicht, konfrontieren erstmalig Sprachwissenschaftler der DDR mit den wissenschaftlichen Aspekten des Esperanto.

En „La antikva epoko" („Das Altertum") 1973, kajero 3 (vol. 19), revuo, precipe okupiĝanta pri klasikaj lingvoj kaj ties kulturoj (ĉefredaktoro prof. d-ro Johannes Irmscher), aperis 10-paĝa studo de Detlev Blanke pri la temo „La antikvaj lingvoj kaj la problemo de internacia mondhelplingvo".

Tiu laboro, simile kiel la PIV-recenzo riĉe bibliografiita, pruvas, ke la multaj provoj revivigi la latinan kiel lingvon internacian ne taŭgas jam pro pure filologiaj kaŭzoj.

Post pritrakto de aro da planlingvaj projektoj kukn i. a. alta grado de latinideco, la aŭtoro prezentas Esperanton kiel plej bonan solvon kaj speciale pritraktas la kontribuon de la latina lingvo al la evoluo de la vortaro de Esperanto.

Konklude Blanke postulas la sciencan uzebligon de la ampleksa materialo ekzistanta pri la problemo de internacia lingvo.

Ambaŭ studaĵoj, publicitaj en revuoj de alta scienca rango, unuafoje konfrontas lingvistojn de GDR kun la sciencaj aspektoj de Esperanto.

---

**Enigmo**

salivo — rabeno — karoto — kapsiko — japano — fantomo.

El ĉiu vorto forprenu du sinsekvajn literojn tiel, ke la restoj donas novajn vortojn. La elprenitaj literoj liveros la titolon de hungara poemkolekto, kiu ankaŭ en E estas aĉetebla.

# El recenzo pri Plena Ilustrita Vortaro

*„Leksikologoj estas tiaj strangaj homoj, kiuj kutimas legi vortarojn. Nunjare mi havis fine la necesan tempon por tralegi la verkon titolitan PLENA ILUSTRITA VORTARO DE ESPERANTO (eld. SAT, Parizo 1970, komposto kaj preso en Anglujo),“* enkondukas s-ro Tadeusz J. Michalski sian interesan eseon pri la „Plena Ilustrita Vortaro“ en Pola Esperantisto 4/1973, kiu enhavas multe da kritikaj notoj, el kiuj ni volas citi kelkajn. Rilate la *proprajn nomojn* s-ro Michalski kritikas Waringhien, la ĉefredaktoron de PIV, kaj komentas i. a.

*„Ankoraŭ en la antaŭparolo al la Plena Ilustrita ni legas.. “ „oni renkontas nur Betoveno aŭ Dresdeno, anstataŭ la fonetike pli ĝustaj BETOVO aŭ DRESDO (p. XIX)“. Tiu ĉi eldiro, stranga kaj nekomprenebla por nefranco, klariĝas facile sur la kampo de la franca lingvo: la nomon Beethoven la francoj prononcas „betove“, Dresdeno nomiĝas france „Dresde“ (-n muta).“* La recenzanto atentigas plue je diversaj misdifinoj en PIV kaj daŭrigas:

— *„Granda ŝoko estis por la pola esperantistaro legi, ke Zamenhof estis „ruslanda hebreo“. Jes, Zamenhof estis „ruslanda judo“; sed nur por la pasportoficejoj de la cara polico. Ŝopeno, kiun eĉ Waringhien devis agnoski „francdevena pola pianisto“, estis por ili „ruslanda franco“. Granda parto de poloj estis tiam ruslanda. Zamenhofon ni nomas polo, ĉar li naskiĝis en la etna pola urbo, kaj liaj vivo, laboro kaj sorto estis ligitaj kun Pollando, ne ekzistanta surmape, sed viva kaj nedetruebla lingve, kulture, kaj eĉ politike (du grandaj naciaj insurekcioj, granda politika emigracio en Francujo). Simile la tuta civilizita mondo traktas Freŭdon kiel kuraciston aŭstran. Laŭ Waringhien li estas „genia germanhebrea kuracisto“.*

Ni ja kelkfoje substrekis la nedisputeblan valoron de PIV, sed oni ne povas ne citi pravan parton el la kritikoj de s-ro Michalski, kiu rilatas la difinaron pri faŝismaj temoj: Ni citas la recenzanton: *La vortaro „lojale“ informas, ke HITLERO estis „aŭstriano“, fondinto de „naziismo“ kaj „la Gvidanto de la germana Regno“. La NAZIISMO estas: „doktrino kaj agmaniero de Hitlera nacisocialisma partio“. HITLERISMO: politika sistemo de Hitler“, FAŜISMO: „politika movado, karakteriza per la kulto al la ŝtato diktatore regata“. Sola riproĉo farata al Hitlero estas demagogio (laŭ la donitaj ekzemploj, Hitlera povas esti: politiko, demagogio kaj junularo). Jes, la artikolojn pri Hitlero kaj naziismo sekvas tiaj referencoj, kiel: antisemitismo, rasismo, diktaturo, koncentrejo, kremaciejo, genocido, gasmortigejo, sed ni rigardu iliajn enhavojn! ANTISEMITISMO „volas trudi al la judoj diskriminaciajn leĝojn“. RASISMO celas „malpermeson de miksedziĝoj“. DIKTATURO estas „diktatoreco, ekz. la diktaturo de la proletaro“. KONCENTREJO estas „barakaro, en kiu homoj estas koncentritoj aŭ por faciligi ilian proviantadon, aŭ por amaspuni ilin“. KREMATORIO = kremaciejo, kaj kremacio estas „unu el la tradiciaj formoj de sepulto“. GENOCIDO (sistema ekstermo de tuta gento) restas sen ekzemploj. GASMORTIGEJO estas trovebla nek sub GASO, nek sub MORTI.*

*JEN LA BILDO DE HITLERISMO, KIUN DONAS AL NI LA PLENA ILUSTRITA VORTARO: La Gvidanto Hitlero, homo demagogia, havis*

*propran politikon kaj propran junularon. Li volis trudi al la judoj diskriminaciajn leĝojn kaj celis malpermeson de miksedziĝoj. Li metadis homojn en koncentrejojn por faciligi ilian proviantadon aŭ por puni ilin. Se ili mortis, ili estis tradicie sepultataj en krematorioj. Ankaŭ iuj gasmortigejoj estis uzataj, sed oni ne scias, kio ili estis (eble por gasumi pulojn kaj pedikojn sur la koncentritoj?!). Oni ne scias ankaŭ, ĉu la Gvidanto kondukis iun militon.*

*Kvankam esperantistoj babilas pri iuj mondmilitoj, sed la vorto MONDMILITO estas tiom bagatela, ke ĝi ne indis troviĝi en la vortaro Plena kaj Ilustrita.*

*Ĉe la vorto: „VIKTIMO“ povus troviĝi ekz. la klarigo: „milionoj da viktimoj de la genocida krimo de la hitlera faŝismo“. Ĝi ne troviĝas. Sed forgesi pri tiuj milionoj da viktimoj oni ne rajtas. Oni des pli ne rajtas forgesigi pri ili, kamuflante la historian veron en la reprezenta vortara verko de la internacia lingvo.“*

Montriĝas, kiel neneŭtrale la cetere meritplena kaj alte estiminda leksikologo Gaston Waringhien agis. Dua eldono de PIV nepre bezonas severan tralaboron ankaŭ rilate tiaspecan difinon.

---

**Sonbenda servo de CLR**

Centra Laborrondo disponas pri kolekto da sonbendaj programoj, kiujn la grupoj povas pruntepreni. Temas pri germanlingvaj kaj esperantaj programoj, i. a. prelegoj de prof. Falkenhahn (Berlin), prof. Bokarev (Moskvo), d-ro Jaki (Budapest), salutparoladoj dum mondkongresoj, intervjuoj, kun angla, japana, polaj esperantistoj, muziko k. t. p., entute 17 programoj. Kontraŭ antaŭa asigno de 5 markoj, ĉiu grupo aŭ unuopulo povas pruntepreni la bendojn.
Bv. postuli la programliston ĉe CLR.

---

**divenu!**

Ofte letero tiel komenciĝas —
kaj ĝi sonas simpatie, (radiko)
sed nur alkroĉu konjunkcion montrantan konkludon, jam ĝi pikas —
ano de ambaŭ pendas sub ĉiu aŭtomobilo
aŭ e l post ĝi fariĝas birdeto.

kar' — kardo — kardano — kardelo

# *Nia faka kontribuo*

Mi ne povas ne esprimi mian gratulon pri la analizo de PIV fare de s-ro Tadeusz J. Michalski en „Pola Esperantisto" 4/1973. Kvankam mi eble ne tute konsentas kun la preskaŭ plena kondamno de la verko per la recenzinto, ĉar PIV laŭ mia opinio sendube estas tre valora, mi dankas al li pro la necesege severa analizo de tuta aro da misdifinoj. Finfine jen kaj jen aperas analizantoj de la faka esperanta literaturo, kiuj ne rutine kaj aŭtomate ĉion presatan laŭdas kaj ĝin iomete analizas laŭ marksisma vidpunkto. Ja tio devus esti memkomprenebla, sed tute ne estas. En „der esperantist", n-ro 15 (oktobro 1967) Rudolf Hahlbohm en artikolo „Humanismo kaj partieco je la komento de terminoj" jam komencis kritiki en Plena Vortaro la difinojn de *naziismo, rasismo, antisemitismo, koncentrejo, historia materialismo, socialismo, komunismo, bolŝevismo, kulturo, arto.*

Mi mem provis analizon de PIV en „der esperantist" n-ro 44 (novembro-decembro 1970), pritraktante iom la leksikologion sed pleje la difinojn, aŭ pli bone misdifinojn, de *materiismo, maltusanismo, militarismo, koncentrejo, komunismo, kozako, socialdemokratio, kombinato, amoko, antisemitismo,* kaj speciale la *reflekton de la duŝtataj germanaj realaĵoj.*

Mi devas konfesi, ke mankis al mi la tempo, tiel precize tralabori la verkon kiel tion sukcesis fari s-ro Michalski. Tial, kiel evidentiĝas, mia elekto de kritikindaj difinoj iom hazardas. Sed ĉiukaze s-ro Michalski venis al similaj kritikoj kiel mi. En plilarĝigita formo, germanlingve, mia recenzo estis presita en n-ro 1/2 de la lingvistika revuo de GDR. „Zeitschrift für Phonetik, allgemeine Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung", paĝoj 144—150 Akademie-Verlag, Berlin (Revuo de fonetiko, ĝenerala lingvo-scienco kaj komunikada esploro).

Kion montras niaj recenzoj? Ili montras tre elokvente, kaj speciale tiu de s-ro Michalski, ke neŭtraleco, eĉ en la lingvo mem, ne eblas. Sed ĉe la enkapigo de malĝustaj konceptoj pere de PIV ja jam komencas la transigo de malĝusta, kaj cetere neneŭtrala mondkoncepto.

Cetere, pri tiu problemo jam konsciis la laboristaj esperantistoj antaŭ la dua mondmilito (kaj konscias hodiaŭ ĉiuj meze kleraj marksismaj lingvistoj sed ŝajne ne la esperantistaj). Kiam 1932 je iniciato de kelkaj Laboristaj Esperanto-Asocioj (kiuj meze de 1932 formis la Internacion de Proleta Esperantistaro, IPE) kaj de Sovetrespublika Esperantista Unuiĝo (SEU) kreiĝis la Internacia Sekretario de Lingvaj Komisionoj de Laboristaj Esperanto-Asocioj (ISLK) maturiĝis la plano pri kreo de „Nova Granda Esperanto-Vortaro". Ĝi neniam realiĝis. Pri ĝia kreendo kaj kreeblo amplekse skribis N. Holov en „La nova etapo" (2/1932, paĝoj 84—86, Moskvo) sub la impreso de la ĵus eldonita Plena Vortaro de SAT. Li atentigas, ke estus krimo ne utiligi la scion de la laboristaj esperantistoj (speciale de la sovetaj) pri la ideologiaj problemoj de vortaro „precipe nun, kiam la apero de SAT-vortaro klare montris, ke en esperantista ideologio kuŝas rimarkebla interdivida limo, ĉe kies unu flanko sin trovas la idealismaj akomodiĝemaj tendencoj de burĝa mondkoncepto kaj ĉe la alia kolektiĝas revoluciaj batalantoj, konceptantaj kaj pensantaj laŭ la principoj de mate-

rialisma evoluo kaj dialektiko". Holov tute klare ekkonas la dilemon: unueca kompreno de Esperanto precipe ĉe sociaj esprimoj neeblas, ĉar, kiel ni ja vidis ĉe PIV, la homoj sekvantaj la donitajn difinojn ekz. de „koncentrejo", „komunismo", „faŝismo", „materiismo" k. t. p. certe komprenos tute diversajn enhavojn depende de la mondpercepto kaj propraj spertoj. Sed ree al Holov. En sia skizo li postulas de la difino entenota ĉe ĉiu radiko en tiu nova vortaro: „Ĝia klarigo aŭ komenta teksto devas esti firme bazita sur la marksisma-leninisma ideologio. Ĝi devas senmaskigi ĉiujn kaŝitajn subsignifojn de la radikoj, kies uzado portas en si ion duban por la revoluciaj proletoj".

La al mi konata unua provo de „laborista" esperanto-vortaro estas tiu LEA Wörterbuch Esperanto-Deutsch (LEA-vortaro Esperanto-germana), kiu 1933 estis eldonita de Arbeiter-Esperanto-Bund für die deutschen Sprachgebiete (Laborista Esperanto-Asocio por la germanlingvejoj). Ĝi ampleksis ĉirkaŭ 6000 kapvorton (artikoloj), speciale el socipolitiko, ekonomio, tekniko kaj laborista movado (143 paĝoj). La vortaro estas redaktita de H. Nonnemann kaj d-ro Herbert Muravkin (La lasta cetere, unu el la plej spertaj marksistaj esperantologoj, bedaŭrinde post 1936 nekonate malaperinta).

En la enkonduko de la vortaro ni legas (pĝ. 3) „Ĉi-tiu vortaro naskiĝis pro historia neceso. La rapida progreso de la proleta Esperanto-movado kaj la ĉiujare vastiĝanta aplikado de esperanto por internacia utiligo de organizoj kaj fabrikoj en la servo de batalo kontraŭ kapitalismo, kontraŭ imperialisma milito kaj de la socialisma konstruado, kreis akran bezonon je nacilingvaj ĝeneralaj vortaroj kaj fakterminaroj respondantaj al postuloj de la praktiko.

La ĝis nun aperintaj burĝaj vortaroj estas tiurilate tute malkontentigaj, ĉar unue ilia vorteksplikado estas ideologie burĝa, ne marksisma, 2. ili ne enhavas amason da gravegaj socipolitikaj esprimoj kaj fakaj vortoj uzataj de ni ĉiutage en la korespondado, diskutoj, literaturo . . ."

Se ni hodiaŭ ankaŭ havas tute aliajn historiajn cirkonstancojn ol dum la dudekaj kaj tridekaj jaroj, tamen niaj socialismaj ŝtatoj nekontesteble baziĝas sur la spertoj kaj tradicioj de la revolucia laboristaro. Tial necesas ekzameni la validecon de la Holovaj postuloj por niaj socialismaj cirkonstancoj, kaj mi opinias, ke ne povas esti alia konkludo ol 1. necesas ellabori marksisman socinocian vortaron Esperanto-Esperanta kaj se tio ne tuj eblas, 2. minimume zorgi pri tio, ke marksistoj estonte aktive kunlaboru en similaj entreprenoj kiel PIV. Ja ĉiam estas facile plendi, post kiam la infano estas falinta en la puton . . ., mi devas diri defende al profesoro Waringhien. Nepardonebla estas la konfido de Waringhien al Lucien Laurat, antikomunisto kaj antisovetisto de speciala specio. Eĉ oni povus konkludi, ke necesas prilaboro de PIV-eldono kaj ĝia aperigo en la socialisma tendaro, se jam ne eblas aŭ dezirindas ellaboro de tute nova. Cetere, la problemo, kiun mi provis tuŝi ĉe la ekzemplo de vortaro ja **ĝenerale** validas por la tuta faka laboro de la esperantistoj en socialismoj landoj. La historion de la esperanto-movado skribas ne ni, sed aliaj, eble de ni kritikotaj. La redaktadon de la plurvoluma enciklopedio partoprenas ne ni (aŭ?) sed aliaj, eble de ni kritikotaj. La kompilon de la baldaŭ aperonta verko „Esperanto en perspektivo, analizoj kaj faktoj" partoprenis ne ni sed aliaj, eble de ni kritikotaj . . .

En „la Monda Lingvo Problemo" malmultas niaj teoriaj kontribuoj k. t. p., k. t. p. Ĉu tio daŭru?

*Detlev Blanke*

## LINGVOUZO

Estas eraro, ke per la nura uzado la planlingvo (aŭ iu ajn nacia lingvo) fariĝas pli fleksebla, pli riĉa. Kontraŭe, fleksebla ĝi estas denaske, en sia origino antaŭ la uzado, kiel la korpo de juna infano. Per la uzado ĝi tendencas fariĝi malpli kaj malpli fleksebla, eĉ rigida, kiel homa korpo maljuniĝinta dum longa vivbatalo, ĉar la ordinaraj uzantoj de la lingvo imitas unu el la alia en sia esprimmaniero, kio estas metodo multe pli komforta ol la peno, en ĉiu parolmomento mem konstrui la bezonatan esprimon el la disponeblaj lingvaj elementoj. En la ĵus karakterizita senpense imita maniero ne nur formiĝas, sed bedaŭrinde ankaŭ fiksiĝas la tiel nomata lingvouzo, ofte, kvankam malprave glorata. Certe, kelkgrade ĝi faciligas la parolon, kiel vojo batita de jam sennombraj piedoj, kaj tiel larĝa kaj firma, faciligas la iradon sur nefamiliara tereno.
Aliflanke, ĉi libera, en la parolmomento nova kaj sendependa formita esprimo, ankaŭ se ĝi estas perfekte korekta kaj facile komprenebla frapas la alparolitojn, ĝenas ilin kiel nekutima, do nekonvena, eĉ nekorekta. La tirana kutimo, la konservema pensmaniero de multaj rifuzas ĉion nekutiman, kontraŭstaras tian liberecon. La larĝa vojo de nia bildo, en sia origino libere elektita fariĝis d e v i g a. Akompanas ĝin kvazaŭ minacaj tabuloj kun la surskribo: „Malpermesite forlasi la markitan vojon". Ni kompatas la turiston, ni kompatu ankaŭ la migranton tra la lingva pejzaĝo. Tio estas la stato de la naciaj lingvoj, speciale ankaŭ de la angla, kun iliaj multegaj devige fiksitaj parolturnoj kaj esprimmanieroj, kiuj servas la neageman komforton de la naciaj parolantoj, sed en sama mezuro ĝenas la alilingvanon, malfaciligante al li la ellernadon. Eviti la establiĝon de tia deviga lingvouzo estas unu el la plej gravaj taskoj de la esperantlingva literaturo, precipe de ĝia beletro.

*D-ro Beckmann*

*(El „Informilo de Internacia Esperanto Muzeo",*
*aŭgusto 72)*

---

## Anekdotoj

**Trista kompenso**

En sveda radiostacio Dr. Sven Holmgaard parolis pri la domaĝantaj sekvoj de dikkorpeco. Li finis signifoplene: „Sed ĉio kompensiĝas. Des pli da korpa pezo oni devas kunportadi, des malpli da tempo oni devas porti ĝin."

**Memoroj de pordisto**

Post kiam Ernest Bouchain, ĝistiama pordisto de grandaj hoteloj en Nizza estis retiriĝinta al privata vivo, raportisto demandis lin pri la plej kurioza gasto dum lia kariero. „Estis tiu anglo", diris la maljuna pordisto, „kiu ĉiam mendis dulitan ĉambron kaj sin lasis veki meznokte por rampi en la duan liton".

## *Kiu konas aŭ konis Hellmuth Haefker?*

Alparolis min surstrate nekonata, laŭ aspekto 65jara sinjoro jene: „Mi vidas vian verdan stelon. Permesu al mi unu demandon. Ĉu vi konis Hermann Haefker?“ Mi devis nei kaj la nekonato daŭrigis: „Haefker verkis originale en Esperanto tre ampleksan, historian libron — JARMILOJ PASAS — (universala historio kun ses artaj reproduktaĵoj kaj dekunu geografiaj skizoj, 1930/31 Heroldo de Esperanto. Köln. Germanlando), kiun mi posedas. Mi ne estas esperantisto, do por mi la libro estas senvalora. Eble por vi ĝi estas interesa, bonvolu viziti min.“

Jam la sekvan tagon mi aperis ĉe mia nova konato, kiu afable akceptis min kun la menciita libro en la mano. Temas pri vere ampleksa libro (500 paĝoj) kun leda dorso ore ornamita. Estas ja mirige, ke neesperantisto posedas tian libron kaj mi petis lin pri klarigoj. Nun mia konato rakontis historieton pri la libro kaj ties verkisto: „Estis en la 1936-a jaro. Mi sidis en iu restoracio kaj trinkis glason da biero. Ĉe mia tablo sidis junulo. Ni babilis kaj nur iomete tuŝis la politikon de Hitler kaj silentis. Subite demandis min flustre la junulo, ĉu mi scius iun, kiu povus gvidi lian patron trans la ĉeĥa landlimo. La patro devas fuĝi antaŭ la nazioj, kiuj preparas proceson. „Mi mem gvidos vian patron, mi estas alpisto kaj konas multajn kaŝvojetojn“ estis mia respondo. Kaj tio okazis. Mi gvidis s-ron Haefker kun patrino kaj infano. Ili kunhavis kelkajn valizojn kaj biciklon. Lastminute la entrepreno preskaŭ fiaskis kiam du germanaj limsoldatoj subite staris antaŭ ni. Mi tuj demandis la soldatojn pri la ĝusta vojo al la stacidomo kaj diris, ke ni nepre devas atingi la vagonaron al Dresden. „Ho, vi devas rapidi, sed en la kontraŭa direkto“ ili respondis. For de la okuloj de la soldatoj mi sukcesis gvidi la homojn trans la limo. Ili atingis ankaŭ Pragon. Sed kiam la nazioj okupis Ĉeĥoslovakion, oni arestis Hermann Haefker, kiu pli poste pereis en la koncentrejo Dachau. Por mia helpo la filo de Hermann Haefker, Hellmuth donis al mi la libron, sur kies unua paĝo vi vidas la manskribon de la aŭtoro: „Al mia kara Hellmuth! Colmnitz, Pentekoste 1931“. Mi volonte donacas la libron al vi. Eble helpe de viaj samideanoj vi sukcesos retrovi la filon de la aŭtoro“. Kun tiuj vortoj finis la maljuna alpisto. Kiu scias ion pri Hellmuth Haefker, bonvolu skribi al: *Werner Gafke, 8019 Dresden, Haenel-Clauss-Platz 3*

---

**Iom da statistiko pri koresponddeziroj**

En „de“ 1965—1972 aperis 284 koresponddeziroj el Belgio, Brazilio, Britio, Bulgario, ĈSSR, Danio, Francio, Hispanio, Hungario, Irako, Italio, Japanio, Jugoslavio, Maroko, Mongolio, Nederlando, Novzelando, Pollando, Rumanio, Sovetunio, Sudano, Svisio, Svedio, ARE, Usono.

Do entute nia revueto peris korespondadresojn el 25 ŝtatoj.

**Komunikoj de la Akademio de Esperanto**

La Direktoro de la Sekcio pri Gramatiko de la Akademio, en akordo kun la Prezidanto, atentigas redaktorojn de gazetoj, aŭtorojn, kaj ĝenerale ĉiujn uzantojn de Esperanto pri jenaj ĉiam pli disvastiĝantaj eraroj:

a) *Oni skribu* **ekde** *aŭ* **ekde de**, *sed ne* **ek de** *en du vortoj, ĉar* **ek** *estas tie uzata prefikse aŭ adverbe, sed ne kiel interjekcio.*

b) *Oni ne uzu* **dank-em-a**, *kiam ne temas pri konstanta emo al danko, sed pri momenta manifestiĝo de danko pro konkreta servo.*

c) *Oni ne konfuzu* **kompensi** *kun* **rekompenci**:

**Kompensi:** *havigi (al iu) ion egalvaloran pro suferita perdo, profito, aŭ farita peno.*

**Rekompenci:** *montri sian kontentecon pri ies meritoj per vortoj faroj aŭ donacoj (kvankam la bona ago ofte rekompencas la farinton propramove per sano, feliĉo, kontenteco, interna paco!) „Rekompenci" estas preskaŭ ĉiam „malpuni".*

*H. A. de Hoog (El „Heroldo" 15/1973)*

---

Daŭrigante sian pretigon de la 8-a Oficiala Aldono al la Universala Vortaro", kaj de la „Baza Oficiala Radikaro", kiujn mi esperas povi publikigi baldaŭ en dua kajero de la „Aktoj de la Akademio", la Akademio jam voĉdonis pri du gravaj punktoj, kaj alvenis al decidoj jenaj:

1° La Akademio, post vastaj internaj diskutoj, malkonsilas la uzadon de la prepozicio PO por esprimi la rilaton indikitan per la frakci-streko en esprimoj kiel 30 km/h kaj similaj, kiel rektan eraron kontraŭ la ĝusta signifo de tiu prepozicio, difinita de Zamenhof en unu Lingva Respondo. *Manke de specifa prepozicio por tia uzado, la Akademio lasas liberecon al fakuloj elekti inter la prepozicioj EN, JE, POR aŭ SUR, laŭ la cirkonstancoj, aŭ uzi adverban formon, kiel „30 kilometroj(n) hore".*

*2° La Akademio, konsiderante, ke la Lingva Komitato, kiam ĝi en 1922 malkonsilis la enkondukon de la sufikso* **-io** *por formi landnomojn, bazis sian decidon sur la konstato de la tiama uzado;*

*konstatante, ke nuntempe, malgraŭ tiu oficiala malkonsilo, la uzado de tiu sufikso -io ne malkreskis, sed male disvastiĝis;*

*memorante la vojon, indikitan de Zamenhof en la Antaŭparolo al la Fundamento por ebligi senrompan evoluon de la lingvo, kaj konsistantan en la propono de formo nova, uzebla parelele kun la malnova formo; opinias ke la uzado de la sufikso -io apud la fundamenta -ujo por ricevi pli internaciajn formojn de landnomoj estas ĝusta apliko de tiu Zamenhofa uzado;*

*kaj, nuligante la antaŭan malkonsilon de la Lingva Komitato, sed ne ŝanĝante ĝin al rekomendo, lasas al la ĝenerala uzado libere decidi pri la venko de la pli oportuna formo.*

Vitry, la 4-an de Februaro 1974,
La Prezidanto de la Akademio, G. Waringhien

# INFORMOJ

### L. Schödl en Pollando

En novembro 1973 la membro de CLR. Ludwig Schödl, faris 5tagan vojaĝon tra Pollando prelegante en Varsovio, Lodz kaj Poznan pri GDR kaj montrante la filmon „Hieraŭ ni ankoraŭ estis infanoj" (pri junularo de GDR, en Esperanto-versio).

### CLR-kunsido

CLR kunsidis la 23an de februaro 1974 en Berlino prepare al la tutrespublika CLR-konferenco, kiu okazos la 1an kaj 2an de junio 1974 (pentekoste) en Berlin.

### „Bulgara Esperantisto"

Ni rememorigas, ke „Bulgara Esperantisto" estas abonebla ĉe Otto Lauckner, 828 Großenhain, Robert-Blum-Str. 9. La abono kostas 9 markojn por 12 kajeroj jare. La mono estu sendita al Kreissparkasse Großenhain, Konto Nr. 4992-42-30537 (Otto Lauckner).

### oficiala artikolo

En „Mitteilungsblatt des Kulturbundes der DDR" (Informilo de Kulturligo de GDR) 3–4/73, kiu esence estas dediĉita al internacia agado de la organizo, sur paĝo 12 oni legas raporton pri la jam 1972 okazinta trilanda esperantista limrenkontiĝo en Seifhennersdorf ĉe Zittau.

### Jarkomenca kunveno 1974 en Reichenbach/Vogtland

Pli ol 50 personoj el vogtlandaj kaj najbaraj ercmontaraj grupoj sekvis la 26-an de januaro 1974 la inviton flanke de la subdistrikta Laborrondo Reichenbach al jarkomenca kunveno, Ili pasis en la klubejo de la Kultura Ligo kelkajn horojn en vera amikeca atmosfero.

Post bonvenigaj vortoj de s-ano Würker donis s-ano Straach, Netzschkau, precizan raporton pri la aktuala politika situacio internacia, montris insiste la el tio rezultajn devojn de ĉiu esperantisto en la servo de paco kaj progreso.

Kulmina punkto de la aranĝo estis lumbildprelego de s-ano Haupt, Karl-Marx-Stadt, pri la temo: „Vojaĝo tra ses landoj." Li informis perhelpe de memfaritaj koloraj fotografaĵoj pri renkontoj kun eksterlandaj geesperantistoj, demonstraciis laŭ propraj spertoj la interkomprenigan taŭgecon de Esperanto. Liaj bone kompreneblaj klarigoj kaj priskriboj trovis senescepte altan laŭdon.

Komuna kafotablo zorgis pri agrabla kunesto kompletigis la varian programon.

*Würker*

**Kiu havigos al CLR** (eĉ nur por fotokopio) la presitajn protokolojn de la SAT-kongresoj 1926 en Leningrado kaj 1928 en Göteburg?

### Prospektoj

Senpage estas ricevebla faldfolio pri la pola urbo Koszalin. Oni povas peti ĉe: OST „Gromada", KOSZALIN, ul. Zwycięstwa 109; PBP „Orbis", KOSZALIN, ul. Zwycięstwa 20; ZO PTTK, KOSZALIN, ul. Bieruta; Pollando.

Esperantlingvan prospekton pri motorcikloj eldonis maŝinfabriko en Povazska Bystrica, CSSR. Oni petu specimenojn ĉe: Maŝinfabriko, OTS, 01734 POVAZSKA BYSTRICA, Ĉeĥoslovakio. Aŭ: ESPERANTO, poŝtkesto 33, 01780 POVAZSKA BYSTRICA, Ĉeĥoslovakio.

# INFORMOJ

**Esperanto ambaŭflanke de la Odro-Najso-Paclimo**

La 15-an de septembro 1973 okazis en Zgorzelec, Pollando inaŭguro de nova PEA-rondo en la Distrikta Kulturdomo. Ĉi tie ankaŭ kunvenas ĉiuvendrede je la 17.00—21.00-a horo la nova Esp.-rondo, kiu nun jam nombras 45 membrojn.

Kantis kaj muzikis greka kulturensemblo en la teatrosalono de la Kulturdomo, kiu estis plenplena da aŭskultantoj, ĉefe junaj. Multaj reprezentantoj el ĈSSR kaj GDR salutparolis kaj dezirante bonan prosperon kaj multajn sukcesojn ili transdonis kiel memoraĵon malgrandajn donacaĵojn al la nova pola Esp.-rondo.

Sekvontan tagon multaj partoprenintoj el ĉiuj tri landoj komune ekskursis sur la Landskrone (GDR). Oni decidis, ke la grupo en Görlitz ĉiuaŭtune sur tiu monto aranĝu Internacian Renkontiĝon. La adreso de la nova pola rondo estas: *Pola Esperanto Asocio, Rondo ĉe la Distrikta Kulturdomo, str. Parkova 1, 59—900 Zgorzelec 1, Pollando.*

La 21-an de oktobro 1973 okazis en Görlitz, la najbara urbo de Zgorzelec, Amikeca Renkontiĝo, kiun partoprenis ges-anoj el kvar diversaj landoj. Inter alie parolis s-no *Hoffahrt*, Görlitz, pri la esploro de la Esp.-movado en nia regiono kaj montris kelkajn ekzemplojn pri la aranĝo de kolektita materialo. Krome li fiksis la daton de la jam citita dutaga internacia renkontiĝo: *ĉiujare la duan dimanĉon en la septembro, do ĉijare la 7./8. septembro 1974.*

Pro la deziro de ĉeestantoj, dufoje pojare aranĝi renkontiĝojn, informis s-ano Walter, ke la grupo en Zittau intencas daŭrigi la jam tradiciajn renkontiĝojn en la printempo. Sed ĝi okazos nur unutaga, ĉefe por la regiono de la Supra Luzacio kaj najbaraj landoj en la limregionoj. Estonte oni ĝin volas ĉiam okazigi en la kadro de la urba „Festo ĉe la Trilandangulo". Do ĉijare la 9-an de junio 1974, eble sub la devizo Esperanto kaj hobioj. Oskar Walter

**Komuna interkonsento inter Kulturligo kaj Libera Germana Junularo (LGJ) subskribita**

La 21. 3. 1974 estis subskribita Interkonsento inter la Libera Germana Junularo kaj Kulturligo de GDR pri kunlaboro cele al la plua evoluigo de la kultura vivo de la junularo. La dokumento, subskribita de prof. d-ro Max Burghardt, prezidanto de KL kaj Egon Krenz, unua sekretario de LGJ listigas tre detale la multajn eblecojn de kunlaboro inter KL kaj LGJ. Grava por la esperantistoj estas i. a. la punkto II/5, kiu tekstas: „La Libera Germana Junularo kaj la Kulturligo taksas la aktivadon en la kluboj, en la interesulaj rondoj kaj fakgrupoj de Kulturligo kiel gravan formon de karakterkrea kulturagado.

Tial la junuloj estas interesataj laŭ iliaj emoj por filozofio, historio, literaturo ... por filatelo kaj **por Esperanto.**"

Krome la esperantistoj estas menciitaj en jarprotokolo 1974 rilate kelkan internacian aktivecon. Espereble baldaŭ ĉiuj distriktaj kaj subdistriktaj gvidinstancoj kaj esperantistaj gvidantaroj disponos pri la germanlingva teksto de la interkonsento, studos ĝin detale kaj trovos laŭajn eblecojn de kunagado kun la junulara organizo.

# INFORMOJ

**Internaciaj aranĝoj en ČSSR 1974**

Julio

5.– 8.: III-a Kultura festivalo en Opava

7.–13.: Labor-seminario en Lanĉov

13.–27.: Somera Esperanto tendaro en Herbortice

14.–27.: I-a etapo de Somera Esperanto Tendaro/SET/ en Lanĉov ĉe Vranov valbaraĵo

28.-10.8.: IIa etapo de SET en Lanĉov

Aŭgusto

4.–18.: Somera Esperanto Kolegio en Liberec

Septembro

6.–8.: Renkontiĝo de Esperantista filatelistoj kaj kolektantoj de Esperantistaj insignoi en Opava

20.–22.: Junulara seminario en Liberec

22.–28.: VII-a renkontiĝo de Esperantistoj en Bedřichov kun internacia partopreno

Oktobro

Fine de monato renkontiĝo de Esperantistoj en Mélnik

Novembro

22.–24.: Junulara seminario en Liberec

(Skribu al Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Jilska 10, Praha 1)

**Ni invitas al partopreno en granda infan-konkurso**

Wojewódzki Dom Kultury – Vojevodia Kultur-Domo en Bydgoszcz organizas konkurson pri infana kreado en la sfero de desegno, grafikarto, pentrado kaj arta eltondado. La konkurson povas partopreni infanoj en la aĝo de 5 ĝis 13 jaroj. La alsendotaj laboraĵoj en la kvanto de 1 ĝis 3 povas trakti diversajn problemojn ligitajn kun la nuntempa Pollando, kiel ekz.: industrio, pejzaĝo, kulturo, eminentaj poloj.

La alsendotaj laboraĵoj devas enspaciĝi en la dimensio de 50 × 70 centimetroj. Sur la inversa flanko de la farita laboraĵo konkursa oni devas skribi la antaŭnomon kaj nomon de la aŭtoro, la aĝon kaj la adreson.

Sendepende de la atribuotaj premioj, ĉiu partoprenanto ricevos konkursan memor-plakaĵeton. La premiitaj konkursaĵoj estos elmontritaj en speciala ekspozicio, aranĝota en Bydgoszcz en julio de la jaro 1974.

Kaj nun – ATENTON! La ĉefa premio en la konkurso estas 10-taga restado en Pollando por la venkinto kaj ties protektanto (kune kun la pagitaj vojaĝkostoj). Krom tio, la ĵurio, aljuĝos entute 200 premiojn pro la plej bonaj laboraĵoj en ĉiu grupo de la aĝo kaj tekniko de la plenumo.

Ĉiuj alsendotaj laboraĵoj fariĝos proprieto de Galeria i Ośrodek Twórczości Plastycznej Dziecka – Galerio kaj Centrejo de la Plastika Kreado de la Infano en Toruń, la naskiĝurbo de la granda pola astronomo, Mikolaj Kopernik.

La konkursaĵojn oni devas alsendi ĝis la 31-a de majo 1974 jaro al la adreso: Wojewódzki Dom Kultury, 85-023 Bydgoszcz, ul. Toruńska 3, Pollando.

# INFORMOJ

**Aktiveco de medicinistoj en ĈSSR**

La mankon de pli ofte eldonita freŝdata medicina informilo klopodas forigi ĉeĥoslovakaj kuracistoj — esperantistoj. Dum kvar lastaj jaroj ili eldonas informojn, bedaŭrinde plejparte nur ciklostile presitajn. La modesta bulteno nomiĝas MEDICINISTAJ INFORMOJ! Ĉeĥa Esperanto-Asocio ekkomprenis la signifon de la laboro de ĝiaj membroj — medicinistoj kaj ekde la 1-a de januaro 1972 transprenis la eldonadon de la bulteno. Oni sukcesis starigi firman reton de perantoj precipe en Sovetunio Hungarujo, Pollando, Francio, Bulgario k. a. Pasintjare regule la 1-an de ĉiu dua monato aperis la bulteno dense skribita kun abunda, ĉefe refera materialo kun 6—8 paĝoj. La prezo estas 20 Kćs pojare (aŭ egalvaloro — 2 Rbl. aŭ 10 internaciaj respondkuponoj). Eldonkvanto: 350 ekz. La cirkulero havas apartan rubrikon por geflegistoj kaj aliaj parencaj profesioj.

Kelkaj titoloj el la lastaj numeroj: Diabeta mikroangiopatio — Efiko de propanalo — Aktiveco de fermentoj kaj skizofrenio — Akuta fermiĝo de mezenteria arterio — Malignaj tumoroj ĉe novnaskitoj — Karcinomo de haŭto kuracata per ingvento — Eksperimentaj studoj de glukokortikodoj sur ratoj — Observo de adhesiemo de trombocitoj — Malkovro de tromboj en maldekstra antaŭkamero.

— Akuta pankreatito dum infekta hepatito — Praktika konsilo: Halto de korago. — Diagnozo de cerba arterosklerozo — patogenezo de hemofilio — Bovina lakto kaj koronariaj malsanoj — Por flegistinoj: Kiel plue en la kuracado de rena malsufiĉeco. — Reklamoj de kuraciloj.

Ni atentigas pri konvena varbado de medicinistoj por esperanto per la nomitaj esperantistaj fakaj bultenoj. Adreso de la eldonanto de MEDICINISTAJ INFORMOJ: Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Jilska 10, Praha 1. Redaktas Dro Josef Hradil, Český Dub, okr. Liberec, ĈSSR.

Petu senpagan varbnumeron.

**Konkurso Parnaso 74**

La Riga junulara Esperanto klubo RADIETO organizas novan poezian konkurson por junaj poetoj.

Al Radieta Parnaso estas invitataj ĉiuj, kies poezia animo ne povas silenti pri la neripeteblaj impresoj, travivaĵoj en la XX-a jarcento.

Celo de la konkurso estas pliaktivigi junajn Esperanto-poetojn (ankaŭ tiujn, kies koro junas), stimuli ilin pli bone kaj kvalite labori.

Oni akceptas nur originalajn verkojn, klare skribitajn — temoj laŭ aŭtora elekto. Sur aparta folio aldonu: Vian nomon, aĝon, profesion kaj jaron de esperantistiĝo. Ne forgesu klare skribi vian adreson.

Valoraj premioj atendas vin. Unua premio — 24 rbl.

La versojn sendu ĝis 31a majo 1974 al

ARI STIDS MEDINŠ, 226002 Riga 2, Ed. Smilĝa 34 - 5, Latvio, USSR.

**Korekto**

Ni petas pardonon ĉe niaj legantoj, ĉar en la lasta numero de „der esperantist" mankis la cito de la tradukinto de „Venceremos" (paĝo 14). La himnon de Unidad Popular tradukis Harald Micheel el Erfurt.

# INFORMOJ

## SLOVAKA ANTOLOGIO aperos

La SLOVAKA ANTOLOGIO prezentos al la tutmonda legantaro buntan kaj allogan elekton el la verkoj de slovakaj poetoj kaj verkistoj en Esperanta traduko.

La elekto enhavos la plej belajn erojn el la klasika, romantisma, realisma kaj nuntempa moderna epokoj de la slovaka literaturo.

Ĉiu aŭtoro kaj lia verko estos prezentita per mallonga biografia portreto.

La libro estos ilustrita per portretoj de la reprezentitaj slovakaj verkistoj kaj ampleksos pli ol 350 presitajn paĝojn. Eldonos ĝin Slovaka pedagogia eldonejo en Bratislava en la jaro 1975.

Por ebligi la eldonon de tiu ĉi bela kaj interesa verko, ni petas vian nedevigan antaŭmendon. Bonvolu skribe anonci, kiom da ekzempleroj de la libro vi deziras, al la adreso:
SLOVART, odd. kníh,
Leningradská str. 11,
800 00 BRATISLAVA, Ĉeĥoslovakio.
La planita prezo de SLOVAKA ANTOLOGIO estas proksimume 40.– Kčs. (= 13 markoj.)

Ne preterlasu la okazon konatiĝi kun la elstaraj verkoj de slovakaj poetoj kaj verkistoj en Esperanta traduko!

Mendu la SLOVAKAN ANTOLOGION, konvinkiĝu, kiom da surprizigaj valoroj enhavas la t. n. „malgrandaj literaturoj"!

Mendu ju pli frue! Profitos vi, profitos la movado. Afable diskonigu tiun ĉi informon en via ĉirkaŭaĵo. SLOVAKA ANTOLOGIO certe trovos vian plaĉon! Ĝi estos valora akiro por vi kaj taŭga donaco por viaj amikoj!

(senŝanĝa represo de slovaka varbfolio)

## Aranĝo en Doneck

Laŭ iniciato de Donecka Esperanto-klubo kaj per la helpo de urba komitato de komsomolo la 17an – 18an de novembro 1973 en Doneck (Ukrainio) okazis seminario de E-instruistoj kaj gvidantoj de E-rondetoj. Ĝin partoprenis ne nur doneckanoj sed ankaŭ gastoj el urboj Ĥarkov, Zaporoĵeje, Poltava kaj Kiev – entute pli ol 20 personoj, plejparte gejunuloj. Ĉefaj temoj de la seminario estis metodoj de Esperanta instruado en lernejoj kaj formoj de pli intima kunlaborado inter la kluboj el menciitaj urboj.

Tio ĉi aranĝo denove montris firmajn kontaktojn kiuj ekzistas inter ukrainiaj esperantistoj kaj niaj germanaj samideanoj. Dank' al kamaradoj el Centra Laborrondo ĉiu partopreninto povis ricevi senpagan ekzempleron de lasta numero de „der esperantist", Krome sur speciala stando „Eldonoj de GDR" estis ekspoziciitaj diversaj materialoj, grandparte senditaj de magdeburgaj geamikoj, kun kiuj la membroj de Donecka E-klubo havas fratajn ligojn jam dum du jaroj.

Por pliviglgi la kluban vivon kaj atingi novajn rezultojn en disvastigo de la lingvo oni decidis starigi gazetservon por fremdlandaj esperantistoj traveturontaj Ukrainion. Ni estas pretaj organizi renkontojn kun loka esperantistaro, ekskursojn tra la urboj, vizitojn de muzeoj, teatroj k. t. p. Ĉiu turisto, kiu havos eblecon kaj deziron konatiĝi kun ukrainiaj geesperantistoj bonvolu skribi al:

Donecka Esperanto-klubo, a/ja 618, 340092 Doneck – 92, USSR.

M. Belogolovskij

# Nia legantoj skribis

**s-ro Rudolf Schwarz el Teichwolframsdorf:**

Jen pri la problemo: „Kiel plivigligi la grupojn“, miajn pensojn: Kiel ni scias pri sukcesoj de internacia lingvo decidas diversaj faktoroj kiel objektivaj sociaj bezonoj, la matureco al konscio pri la internacia situacio k. t. p. Ĉar la homo estas socia estaĵo, ĝia vivo ankaŭ efektiviĝas en la societo. Sekve ankaŭ la gruplaboro donas la decidan sukceson kaj mi asertas, ke Esperanto sukcesos, se oni estonte pli forte formas novajn grupojn.

Tiam la laboro ankoraŭ pli bone evoluiĝos.

Kio plue estus necesa?

Ĉiu gvidanto de grupo per sia pedagogia sento devus konstante plifortigi kaj plifirmigi la intereson de siaj lernantoj. Tiam oni ankaŭ sukcesos stabiligi la tutan grupon. Distriktaj spertinterŝanĝoj en formo de kvaronjaraj kunvenoj estus tasko al plibonigo de la instrulaboro. Ĉiuj kursgvidantoj kaj eble progresintoj el diversaj grupoj kune povus diskuti pri problemoj de instrumetodoj, pedagogiaj aplikadaj formoj kiel pri la plej novaj sciigoj de la Esperanto-movado kaj renkontiĝoj sur nacia kaj internacia bazo.

Devus esti kunlaboro inter CLR kaj la distriktoj kaj plue al la grupoj ĉar per tio la interligo restos pli konstanta kaj plifortiĝus . . .

**S-ro Karl Moser, Prenzlau,** sin rilatigas al la artikolo de R. Hahlbohm „Adoleska festo“ en „der esperantist“ 59/60.

Li proponas:

1. „Jugendweihe“ — (solena) adoleskiga festo
2. „Jugendweihearbeit“ — adoleskiga laboro
3. „Jugendstunden“ — junularaj mondkonceptaj (lecionoj aŭ instruhoroj) aranĝoj
4. „Jugendstundenplan“ — junulara mondkoncepta plano
5. „Schulbereichsausschuß“ — lernejregiona komitato
6. „Jugendstundenleiter“ — instruisto aŭ gvidanto de la adoleskigaj lecionoj (instruhoroj)

Rim. de la red.:

Ŝajnas, ke la prezentitaj tradukproponoj bone montras, kiel ege malfacila estas la tasko trovi ne nur ĝustajn sed ankaŭ elegantajn tradukojn.

**S-ro Oskar Stollberg el Leipzig**

sin rilatigas al la artikolo „Kiel plivigligi la grupojn“ (II) kaj raportas, kiel li sukcesas transformi individuan korespondon en kolektivan debatante diversajn problemojn starigitajn de liaj korespondamikoj en la grupo kaj prezentante por tiu certagrade kolektive ellaboritan respondon.

---

*Parolas Varsovio . . .*

Majo 1974 — Novembro 1974

Radio Varsovio ĉiutage disaŭdigas en la internacia lingvo tri programojn:

6.00 h. — ondolongoj: 31 m, 49 m, 200 m
16.30 h. — ondolongoj: 31 m, 41 m
22.30 h. — ondolongoj: 49 m, 200 m.

La horoj — laŭ la mezeŭropa tempo.

Ĉiutage, escepte de la dimanĉoj kaj festotagoj, je la 16.30 h. kaj 22.30 h. — novaĵoj de la radia jurnalo.

# Ni gratulas



**Willi Vildebrand — 70 jara**

Estas malfacile ĉiuflanke omaĝi al la nun 70 jara (6. 3. 1974) vicprezidanto de CR, kamarado Willi Vildebrand. Por historiisto, esploranta la historion de la internacia kaj la germana laborista esperanto-movadoj, speciale 1928—1933, Willi Vildebrand prezentiĝas kiel unu el la plej gravaj esperantistaj funkciuloj el tiu-ĉi tempo. Kun tute klara koncepto li kunopoziciis sukcese al SAT, kunkreis la 1932 fonditan kaj tiel sukcese laborintan Internacion de Proleta Esperantistaro (IPE) kaj, estante nur 26 jara (!) tajloro fariĝis jam 1930 la nova kaj tre profildona prezidanto de Germana Laborista Esperanto-Asocio. Tiuj liaj grandaj meritoj, speciale troviĝantaj en la pasinteco, verŝajne estas parte nekonataj. Hodiaŭ la jubileulo, modesta kaj ne ŝatante flatojn, ja ne aspektas kiel 70 jara kaj laŭ vigleco ne ŝajnas tia. Ni deziras al li kaj lia familio, ke li, akorde al la historiaj meritoj, ankaŭ estonte aktive partoprenos la realigon de niaj kiel bonaj pruviĝintaj taskoj.

CLR

**Helmut Fuchs — 65 jara**

Nia meritplena kamarado kaj amiko, membro de CLR, Helmut Fuchs el Pirna, festis la 18. 4. 1974 sian 65-an vivjubileon. Helmut Fuchs, membro de IK de MEM kaj prezidanto de ties eldonkomisiono, apartenas al la senlacaj agantoj, kiuj senbrue sed insiste faras sian laboron. Ni deziras al la jubileulo kaj lia familio ĉion bonan por la estonto, same multe da agemo kiel ĝis nun kaj speciale, kompreneble, sanon.

CLR

**Walter Röhner — 65 jara**

Nia amiko Walter Röhner, prezidanto de la Distrikta Laborrondo Dresden kaj membro de CLR festis la 29. 5. 1909 sian 65-an naskiĝtagon. Vere, se en la distrikto Dresden estas observebla sufiĉe kontinua kaj bona agado, tiam tio grandparte ankaŭ ŝuldiĝas al la daŭraj kaj efikaj klopodoj de Walter Röhner kolektive kaj saĝe gvidi la agadon. Ni ĉiuj memoras ankoraŭ kun ĝojo la bone de li organizitan amikecvojaĝon 1972 al Leningrad.

Ni deziras al nia amiko kaj kamarado kaj lia familio ankoraŭ multe da kreforto kaj sano. CLR

# Kiel fari du centimetrojn el unu milimetro?

„Mi rezignis trovi esperantlingvajn elsendojn sur la skalo de mia radioaparato" — one ofte aŭdas de aktivaj esperantistoj. Fakte oni devas tre streĉe serĉi, milimetron post milimetro, kaj baldaŭ oni perdas paciencon.

Sed eble inter viaj konatoj troviĝas lerta radioamatoro. Por li estos tre simpla afero konstrui konvertilon. Tiun aparaton vi konektu per ŝirmita kablo kun la ŝtopilingoj „tero" kaj „anteno" de la radiofono, per alia ŝirmita kablo kun la ĉambra anteno aŭ la antena ŝtopilingo de via loĝejo (komuna anteno sur la tegmento).







**Bildoj:**

**C 1, C 5, C 7, C 8** = 50 pF
**C 3** = 100 - 500 pF
**C 2** = 100 pF, ne estas necesa, sed larĝigas unu areon
**C 4** = 200 - 300 pF
**C 6** = 0,1 mikrofarado
**R 1** = potenciometro 50 kilo-Ohm
**R 2** = 5 - 10 kilo-Ohm

**La baterio** (9 Voltoj) fortuzas nur malmulte da energio.

**Transistoro:** AF 137 aŭ simila tipo por altaj frekvencoj (ĝis 100 mHz).

b = bobeno diametro 3 cm, 20-25 turnoj de kupra drato (0,1 - 0,8 mm forta)
**brk** = bobeno por reaga kuplo, 8 - 10 turnoj de sama materialo
a = ŝirmita kablo al antena ŝtopilingo de via radiofono
t = ŝirmita kablo al tera ŝtopilingo de via radiofono

(daŭrigo paĝo 38)

## Rostock ĉe la pinto

La estraro de la DLR Rostock organizis pasintjare konkurson por la distrikto. Gajninto de la konkurso 1973 estis la Subdistrikta Laborgrupo Rostock per aktiva kunlaboro de ĉiuj ligo-amikoj en Rostock kaj Warnemünde. Ili plenrajte ricevis la honorigon per flagrubando. Tre aktive, ili ofte povas akcepti unuopajn eksterlandajn gastojn en sia urbo. Pasintjare ankaŭ grupo de svedaj fervojistaj esperantistoj vizitis la plej grandan havenurbon de GDR. Granda travivaĵo fariĝis renkontiĝo kun 36 polaj esperantistoj el Szczecin, kiuj venis al Rostock, por profundigi la amikecon, kiu jam delonge ekzistas inter ambaŭ grupoj.

Niaj esperanto-amikoj en Rostock laboras senbrue, sed senlace kaj sukcese. Regule en Rostock kaj en la urboparto Warnemünde okazas kursoj por komencantoj kaj progresintoj. Same regule aranĝitas klubvesperoj, kie ne nur okazas praktikado de la lingvo, sed ankaŭ ekspluatado de internacia leterinterŝanĝo. Inter alie ili organizis sukcesan letervesperon, komencante per alskribo al 29 alilandaj esperanto-redakcioj, kiuj preskaŭ senescepte publikigis la sciigon. Amaso da leteroj kaj poŝtkartoj alvenis el multaj landoj. Ĉiu ricevis respondon.

(daŭrigo paĝo 39)

---

(resto de pĝ. 37)

La konvertilo translokigas la senditan 9 kHz. frekvencbendon el la kurtonda areo en la longondan areon. Pro tio la relativa distanco inter du najbaraj stacioj larĝiĝas. Konsekvence vi trovos la deziritan stacion pli facile sur la skalo. Tie ili ne plu distancas nur duonon da milimetro unu de la alia, sed unu centrimetron aŭ pli, same kiel longondaj stacioj.

Por manipuli la konvertilon, vi premu la butonon „L" (longondo) de via radioricevilo. Turnante la butonojn de la konvertilo vi proksimume alĝustigu ĝin. Nun turnu la butonon de la longondareo de via radiofono, kiel kutime vi precize agordas ĉi tiun je la dezirita ondo.

Bedaŭrinde, kurtonda ricevado dependas de atmosferaj cirkonstancoj, de sezono, de la aktiveco de sunmakuloj ktp. La ionosfero moviĝas sub la influo de la sunbrilado. Tial estas grave, ĉu la sendstacio aŭ la ricevilo troviĝas en malluma aŭ luma regiono de la terglobo. Tial serĉu ne nur unu ondolongon, sed ankaŭ la duan aŭ trian de la sama stacio.

Kaptu per via nova konvertilo la esperantlingvajn radio-elsendojn ankaŭ sur sonbendo kaj prezentu gravajn erojn en via grupo. Diskutu regule pri ili kaj skribu ofte al la radiostacioj por fortigi nian prestiĝon ĉe la ĉefoj de kurtondaj radiostacioj.

(El „Heroldo") Günter Conrad

(resto de pĝ. 38)

Organizite la esperantistoj de Rostock ankaŭ dissendis Novjarsalutojn al esperanto-grupoj kaj reprezentantoj en Soveta Unio, Polio, Hungario, Irako kaj al aliaj landoj. Ili aktive partoprenis en la distriktaj aranĝoj, preparis kontrakton pri amikeco inter la grupoj en Rostock kaj Szczecin. Kolora prospekto pri Rostock estas en preparo. Okazis lumbildprelegoj pri vizitoj de esperanto-grupoj en Riga kaj Tallinn kaj raporto pri esperanto-vivo en kunaganta urbo Szczecin.

Regule aperas distrikta ligilo „Balta Maro Informilo", ofte kvar- aŭ sespaĝa, aŭ eĉ pli. Jam atingis nin la numero 65. Respegulante la grupvivon en Rostock kaj en aliaj lokoj de la distrikto, ĝi enhavas multajn esperantlingvajn kontribuojn. Kun plezuro mi legis ekzemple en n-ro 64 la artikolon de S. Engels: „Miaj impresoj dum esperanto-feriado en Bulgario 1973". Kun sama plezuro mi partoprenis la Distriktan Konferencon, kiu okazis la 24an de novembro 1973 en Stralsund. Pluvega tago. Atingis mi lastminute la klubdomon de Kulturligo, kie akceptis min varma atmosfero en plenplena ĉambrego. Vigla diskuto montris la sukcesojn de senlaca longjara laboro de iamaj laboristaj esperantistoj el Rostock kaj de malnovaj kaj novaj esperanto-amikoj el la tuta distrikto Rostock. Ĉiuj subdistriktaj laborrondoj partoprenis la konferencon kun escepto de Bad Doberan.

La prezidanto de DLR, Günter Peters, raportis pri kunsido de CLR, pri plenumitaj taskoj de la distrikto Rostock kaj pri la necesoj de la estonta laboro. Li substrekis, ke bonaj lingvokonoj kaj politikaj scioj devas esti unueco. Plue li distingis la Subdistrikton Rostock kaj ties prezidanton, Paul Köster, per floroj kaj flagrubando. Vigla kaj altnivela diskuto sekvis, kiun partoprenis inter aliaj, ligogeamikoj Werner Plate, Alm — Wismar, Eckart — Stralsund, Engel — Rostock, Burmeister — Ribnitz, Lutzke — Greifswald kaj Schuke-Müller — Ahrenshoop. Ligo-amikino Christel Schuster bone prizorgis la tutan aranĝon. Dankante al ĉiuj partoprenintoj ni povas konstati, ke la konferenco de la distrikto Rostock en Stralsund estis unu el la plej bonaj dum la pasinta jaro. Ĝi rajtigas al la espero, ke tie estas atingeblaj modelaj sukcesoj sur ĉiuj kampoj de nia laboro.

Rudi Graetz

---

**Komunikaĵo**

De la 29a de marto ĝis la 2-a de aprilo 1974 reprezentantoj de la esperanto-organizaĵoj el Bulgario, ĈSSR, GDR, Hungario, Pollando kaj Soveta Unio kunvenis en Sofio por pritrakti problemojn de pli efika kunlaboro cele al pliutiligo de Esperanto serve al la pacbatalo kaj plua disvastigo de la internacia lingvo.

Sofio, 2. 4. 1974

# DISTROJ

### 10 demandoj pri inteligenteco

1. Se vi enlitiĝas je la 20-a horo kaj reguligas la vekilon por vekiĝi je la naŭa matene, kiom da horoj vi dormus?

2. Kelkaj monatoj havas 30, kelkaj 31 tagoj. Kiom da ili havas 28?

3. La kuracisto donas al vi 3 tablojdojn kaj diras, ke vi prenu po 1 ĉiun duonan horon. Kiam la tablojdoj elĉerpiĝus?

4. Domo estas konstruata. Ĝi havas 4 flankojn, kaj ĉiu flanko montras al sudo. Urso preterpasas. Kiun koloron ĝi havas?

5. Dividu 30 per ½ kaj adiciu 10. Nomu la rezultaton!

6. Kamparano posedis 17 ŝafojn. Ĉiuj krom 9 mortis. Kiom li ankoraŭ havas?

7. Du viroj ludas ŝakon. Ĉiu ludas 5 partiojn, kaj ĉiu gajnas la saman nombron da partioj. Nedecidita partio ne estis. Kial ne?

8. Ĉu en Francio estas permesate, ke viro geedziĝas kun la fratino de sia vidvino?

9. Imagu grandan tubon. De ĉiu flanko enrigardas hundo. Kvankam la tubo estas rekta kaj estas hela tago, la hundoj ne povas vidi unu la alian. Kial ne?

10. Kian pezon homo devas havi, por ke li povu stari?

(Solvo en la sekvonta numero) *K. D. Dungert*

---

### Bonan apetiton

„Bonvolu senvestigi vin de botoj kaj ŝuoj kun ekstre akraj najletoj antaŭ denlitiĝi. Ĉiuj gastoj estas urĝe petataj ellitiĝi antaŭ la sesa matene, ĉar la tolaĵoj estas bezonataj kiel tablotukoj por la matenmanĝo."
Tiu ordono devenas de hotela regularo el la jaro 1886, por gastoj de la kanada urbo Mc Leod.

### Alternativo

Je preĝeja pordego en Marseille estis skribita indiko: „Se vi intencas ŝanĝi vian vivokonduton bonvolu eniri!" Baldaŭ poste, aldono estis legebla: „Sed se ne, venu hodiaŭ vespere al la nokta klubejo „Verda Kakatuo" en la Malnova haveno!"

### Lasta admono

Reklamo de vojaĝoficejo en Vaŝingtono: „Ĝuu ĉiun tagon! Rigardu la mondon kiam vi estas ankoraŭ kapabla. Niaj tombejoj estas plene da homoj, kiuj kredis esti senanstataŭeblaj!"

# Raymond Schwartz (1894-1973)

*Li ne plu vivas, la Wilhelm Busch de la esperanta literaturo, Raymund Schwartz mortis la 14-an de majo 1973. Sed vivos liaj spritaj vortludoj, ŝercpoemoj kaj satiroj. Eble ni omaĝu la forpasinton per kelke da liaj (aŭdacaj?) verketoj, ĉu ne?*

### Karnavalo

Ĝojgaja filo sen hezito
Trinokte dum la karnavalo
Forrestis de la hejma lito,
La kaŭzo estis ... nur detalo.

Sed, kiam hejmen li revenis,
Tre lacigita post la festo,
Severa patro ekzamenis
lin senkompate pri foresto.

Kaj tiu patro scivoleme
Eĉ pri l'detal' sin interesis,
Dum la filo ruz-sentreme
Nur parton de l'detal' konfesis.

Sed premis patro lin katene:
„Vi kie restis post la balo??"

„Nu, post la balo, ĝismatene
Mi restis ... jes ... en karna valo.

### Teatraĵoj

Distreme mi iris hieraŭ
Al apudbulvarda teatro
Kaj trovis por kelkaj moneroj
Sidlokon en — amfiteatro.

Jen temis malĉaste pri amo
De kulpa filino al patro
Kaj apoteoze la dramo
Ĝin gloris! ... Fiamteatro!

Mi poste kun ĉefaktorino
Noktmanĝis en domo kun famo,
Kaj ŝi — post kalkula kombino
Sin donis! ... Teatro fiamo!

(El „Verdkata Testamento")

### Kial pafi?

*Se la kolbasoj flugilparon havus*
*kaj kiel birdoj glitus tra l'aero*
*kredeble vi — kaj mi — al ili pafus*
*por hejmenporti ilin sur telero.*
*Erar' groteska! ĉar — se tiel estus —*
*la fakto ŝajnas ekster dubo,*
*ke tiam la kolbasoj nestus*
*sur la tegmentoj, apud kamentubo.*

*Ilia nest', videbla de mansardo,*
*konsistus nepre el brasik' acida*
*kun jen kaj jen, anstataŭ la*
*mustardo,*
*flava produkt' de bebo kolbasida.*
*Do kial pafi? — Sekvu l'argumenton:*
*Pafado estas ago fibandita,*
*kiam sufiĉas grimpi sur tegmenton*
*por havi pladon da saŭrkraŭt'*
*garnita!*

**Esperantisto**

**Ekesto kaj Malapero**

Gazetartikolo
Aŭ varba parolo
Favora impreso,
Ekintereso.
Lernolibro,
Sankta vibro,
Propaganda miasmo: [1])
Entuziasmo!
Samideano.
(Je via sano!)
Kamarado,
Varbado,
Instruo,
En butontruo
Verda flago,
Glora tago!

Plua ŝtupo
Nova grupo.
Nova sento.
Post hezito
Delegito.
Laŭ bezono .
Gazetabono,
Kotizoj
Kaj valizoj
Por kongreso.
Miraklimpreso.
Fraka vesto,
Bala festo,
Naci-kostumo,
Amindumo.
Hispanio,
Korinklino
Kaj esperoj,
Amleteroj,
Mielo,
Ĉielo!

Facila vento
Kaj poemo
Pri sama temo!
Edzino;
FINO!!

*Raymond Schwartz*

[1]) malsanigaj haladzoj

*(Iuj similaĵoj en la GDR-movado estas tute hazardaj)*

---

**La plej simpla solvo**

Du ebrietaj amikoj staras en la vestiblo (Vorhalle) de hotelo kaj deziras: „Li-li-liton k-kun du ĉambroj“. Ili ankaŭ ricevas ĉambron kun du litoj. En sia ebrieco ili sin kuŝigas en la sama lito „Aŭdu, Petro“, diras Paŭlo post kelka tempo, „en mia lito jam kuŝas iu.“ „Strange“, rediras Paŭlo, ankaŭ en la mia dormas iu.“ „Ĉu vi scias, kion ni faru: Tiujn ulojn (Kerle) ni elĵetos!“ Obstina luktado (Ringen). „Dank' al Dio“, spiregas (keucht) Petro post kelkaj minutoj, „la mian mi ekspedis (expedieren) sur la plankon!“ „Tiam vi havis bonŝancon“, ĝemegas (stöhnt) la alia, „mi malsukcesis kaj mem kuŝas ekstere (draußen).“ „Tio tute ne gravas, Paŭlo. Venu, nun vi simple dormos ĉe mi!“

*Respondu per kompletaj frazoj:* 1. Kie staris la du amikoj? 2. Kion ili deziris? 3. Kion ili faris en sia ebrieco? 4. Kion kredis ĉiu el ili? 5. Kion ili decidis fari? 6. Kio estis la rezulto de la luktado (Ringen)? 7. Kion proponis la venkinto (Sieger)?

(El „Post la kurso“ de Wilhelm kaj Hans Wingen)

## esperanto kaj filatelo

**Informoj pri novaj poŝtaj e-stampoj**
**Numeroj respondas al la stamp-katalogo de Burmeister**

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| PO | 110 | Olsztyn 1 | 72 | 9.–15. 10. | Int. semajno de korespondado |
| PO | 111 | Bialystok 1 | 72 | 9.–15. 10. | sama evento |
| PO | 112 | Sopot 1 | 73 | 24. 4. | 18a tutpollanda e-kgr |
| PO | 113 | Poznan 2 | 73 | 10. 6. | Int. foiro (konstruaĵo) |
| PO | 114 | Poznan 2 | 73 | 10. 6. | Int. foiro (stilizita emblemo) |
| AR | 3 | Cordoba | 72 | 1. 4. | Argentina e-kgr |
| AR | 4 | Rosario | 73 | 21. 4. | Argentina e-kgr |
| BRI | 12 | London | 71 | 31. 7.–7. 8. | 56a UK |
| CS | 16 | Vsetin | 71 | 24.–26. 9. | Tutlanda e-renkontiĝo |
| CS | 17 | Podebrady | 73 | 24. 8. | 8a ŝakturniro |
| FRA | 37–1 | Lyon T | 71 | 16. 2.–24. 4. | 63a nacia e-kgr (1er Arr.)-ms |
| FRA | 37–2 | Lyon T | 71 | 16. 2.–24. 4. | Sama, en datstampo: (1er Arr) |
| FRA | 38 | Lyon | 71 | 11. 4. | 63a nacia e-kgr |
| FRA | 39 | Orsay | 71 | 31. 7.–6. 8. | 44a SAT-kgr |
| FRA | 40–1 | Nantes P. | 72 | 15. 2.–1. 4. | 64a nacia e-kgr -kun H en ds -ms |
| FRA | 40–2 | Nantes P. | 72 | 1. 4. | Sama maŝinstampo sen H en ds |
| GER | 31 | Nürnberg | 71 | 10.–11. 4. | 49a e-kgr |
| GER | 32 | Braunschweig | 72 | 19.–21. 5. | 50a e-kgr |
| HI | 13 | Alicante | 71 | 19.–24. 7. | 31a nacia e-kgr |
| HI | 14 | Vigo | 72 | 20.–24. 7. | 32a nacia e-kgr |
| HI | 15 | Madrid | 73 | 21. 6. | 33a nacia e-kgr |
| HU | 29 | Mohacs | 71 | 11.–12. 6. | Hungara-jugoslava e-renkontiĝo |
| HU | 30 | Gyula | 71 | 6.–9. 7. | 9a somera esperanto universitato |
| HU | 31 | Abaliget | 71 | 17.–27. 7. | 4a I R E N |
| HU | 32 | Gyula | 72 | 9.–15. 7. | 10a S E U |
| HU | 33 | Budapest 72 | 72 | 17.–22. 7. | E-kulturfestivalo |
| HU | 34 | Abaliget | 72 | 23.–31. 7. | 5a I R E N |
| HU | 35 | Budapest | 72 | 28. 12. | 2a vintra e-ferio |
| HU | 36 | Balatonboglar | 73 | 9.–11. 6. | Printempa e-renkontiĝo |
| HU | 37 | Gyula | 73 | en julio | 11a S E U |
| HU | 38 | Abaliget | 73 | 18.–27. 7. | 6a I R E N |
| IT | 20 | Grosseto | 71 | 1. 8.–17. 9 | 42a nacia E-kgr -ms |
| IT | 21 | Pisa | 72 | 18. 9. | 43a nacia E-kgr |
| IT | 22 | Trent | 73 | 16. 9. | 44a nacia E-kgr |
| JA | 17 | Takamatsu | 72 | 15.–16. 7. | 59a nacia e-kgr |
| JA | 18 | Kameoka | 73 | 11.–12. 8. | 60a nacia e-kgr (Oomoto-monumento) |

## DDR 74

### Nacia filatela ekspozicio

En Karl-Marx-Stadt okazos inter la 5.–20. 10. 1974 nacia filatela ekspozicio sub la nomo DDR 74. Jam nun preparu vian viziton de tiu ĉi ekspozicio, ĉar ankaŭ por Esperantistoj ĝi estos interesa. Same kiel en la „Jubilea pm-ekspo" 1967 ankaŭ ĉifoje denove en la kadro de la nacia filatela ekspozicio okazos speciala ekspozicio pri Esperanto. Vi havos eblecon, rigardi mondfamajn filatelajn ekspozaĵojn pri Esperanto, kiuj akiris en tutmondaj filatelaj ekspozicioj arĝentajn kaj orajn medalojn. Vi vidos ĉiujn ĝis nun eldonitajn e-pm kaj e-stampojn. Ni intencas, ekspozi ankaŭ kolektojn de e-kongres-insignoj kaj de e-glumarkoj pri internaciaj e-kgr.

Krom tio estos videbla elekto el la Esperanto-literaturo.

### Alvoko

Ni alvokas ĉiujn filatelistojn, kiuj disponas pri filatelaj ekspozaĵoj en aŭ pri Esperanto, anonci sian partoprenon por la nacia filatela ekspozicio „DDR 74". La ekspozaĵoj devas respondi al la internacie konataj filatelaj reguloj kaj posedi almenaŭ arĝentan medalon de iu ajn distrikta aŭ regiona filatela ekspozicio. Ankaŭ niaj eksterlandaj filatelistoj rajtas partopreni en tiu ekspozicio. La ekspozicia estraro aljuĝos medalojn en bronca, arĝenta kaj ora rango.

Sendu vian leteron al:

*Philatelistenverband der DDR*
*Bezirksleitung*
*DDR-90 Karl-Marx-Stadt*
*Dr.-O.-Nuschke-Straße 6*

---

### La stomako kaj la membroj

Iam la membroj de la homa korpo fariĝis malkontentaj kaj ribelis kontraŭ la stomako. Ili opiniis, ke ĉiam nur ili laboru kaj faru la sian; la piedoj kuru, la okuloj vidu kaj observu, la manoj estu agemaj, la dentoj maĉu ktp., kaj ĉio tio utilus nur al la stomako, kiu nenion devus fari, sed nur ĉion prenus kaj konsumus, kion ili havigis kaj prilaboris por ĝi. Pro tio la membroj konsentis ne plu fari ion: la piedoj ne plu kuru, la okuloj ne observu, la manoj ne agu kaj la dentoj ne maĉu, por ke la stomako sentu, ke ne nur ĝi estas grava. Kiam ili agis tiel, post kelkaj tagoj la piedoj estis malfortoj, la okuloj malklaraj, la manoj senenergiaj kaj la tuta korpo malforta, ĉar la stomako ne plu povis prepari manĝaĵojn kaj pludoni ilin al la membroj. Nun ili devis ekkoni sian nepripensemon kaj konfesi, ke ĉiu membro estas devigata fari la sian por la stomako kaj por si mem, por ke ili ne ĉiuj pereu; ĉar ne estas tiel, ke nur la membroj servas al la stomako, sed tiu ja same agas por la membroj.

*(Fablo de Gaspari, tradukita kaj dediĉita al la esperantistoj de GDR, de Klaus-Dieter Dungert).*

## LA NACIAJ MALPLIMULTOJ EN V. D. R.

Dum la jaroj de la heroa batalo de la popoloj de Vjetnamio kontraŭ la usonaj agresantoj informis gazetoj, radiostacioj kaj televido konstante pri la okazintaĵoj en tiu mondparto. Pere de tiuj informoj kaj multnombra literaturo pri Vjetnamio oni kredis esti plene informita pri strukturo kaj karaktero de ĉi-tiu lando en Hindoĉinio.

Leginte la ĉi-supre menciitan 136-paĝan broŝuron *„La naciaj malplimultoj en V. D. R.“*, publicitan de la „Fremdlingva Eldonejo Hanojo — 1973“, la leganto konstatas surprizite, ke spite la variaj raportoj pri Vjetnamio liaj konoj pri tiu fororienta lando estas absolute malkompletaj. Kiu jam scias, nur por citi iun ekzemplon, ke Vjetnamio estas multnacia lando sur kies teritorio pli ol 60 etnaj grupoj loĝas? Kiu jam havas konojn pri la vivmanieroj de tiuj grupoj, kiuj posedas proprajn kulturojn, folklorojn kaj parte eĉ propran skriban literaturon?

La eldonaĵo montras kiel kaj kiamaniere per longjara kooperado kaj komuna batalo kontraŭ koloniado,super tiu ekstrema etnografia diverseco tamen establiĝis firma unueco. Detale priskribita en la broŝuro estas la akiraĵoj kaj influoj de la revolucio de 1945 en politika, socia kaj kultura rilatoj. Ĝisfunde ŝanĝiĝis la vivkondiĉoj de la minoritataj socioj. Plue estas donitaj informoj pri la grandaj klopodoj de la registaro nuligi la jarcentan ekonomian, kulturan kaj socian postreston, ŝuldatan de fremdaj koloniistoj efektivigi realan samrajtecon kaj egalecon por ĉiuj, repektante la rajton de ĉiu nacieco laŭ la principoj de marksismo-leninismo, flegi siajn kulturajn tradiciojn kaj uzi siajn gepatrajn lingvojn.

Fakto estas, ke la noveldonita informilo pri la frata socialisma lando kontentigas veran bezonon, profundigas la konon pri ĝi kaj ĝiaj popoloj. La legado, aŭ pli bone la studado de la nete presita broŝuro estas nepre rekomendinda, por atingi trafan koncepton eĉ necesa.

*Erich Würker*

---

(resto de pĝ. 43)

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| JU | 20 | Maribor | 71 | 15.—21. 5. | 23a IFEF-kgr |
| JU | 21 | Beograd | 73 | 28. 7. | 58a UK |
| LUK | 1 | Clervaux | 72 | 6.—9. 10. | Fervojista e-kgr en Luksemburgo |
| SVE | 19 | Stockholm | 71 | 29.—31. 5. | 65a nacia e-kgr |
| SVE | 20 | Västeras | 72 | 21. 5. | 66a nacia e-kgr |
| SVI | 8 | Lugano 1 | 72 | 8.—10. 5. | 24a IFEF-kgr |
| US | 1 | Portland | 72 | 1. 5.—5. 8. | 57a UK-maŝinstampo |
| US | 2 | Portland | 72 | 29. 7.—4. 8. | 57a UK |

**Recenzo**

**Géza Gárdonyj: Sklavoj de Dio. Romano. El la hungara lingvo trad. Johano Hamvai; eld. Hungara Esperanto-Asocio; 408 p.**

Dezirante en la intereso de funda recenzo informiĝi pri la literaturhistoria rango de la romano „Sklavoj de Dio", la recenzinto konsultis la literatursciencajn fontojn al li alireblajn. Li devis konstati, ke la artikoloj pri Géza Gárdonyj, detale prijuĝantaj kaj pozitive aprezantaj ties fruajn realismajn rakontojn el la hungara kamparana medio kaj la romanon „Steloj de Eger", mencias la romanon „Sklavoj de Dio" aŭ tute ne aŭ nur titole, ne dediĉante al ĝi iun kritikan prijuĝon. Do la recenzinto nur povas citi la aserton de la tradukinto en la antaŭparolo, ke la romano „Sklavoj de Dio" estas rigardata kiel unu el la modernaj klasikaĵoj.

La romano kondukas la leganton en la Hungarion de la 13-a jarcento kaj priskribas la vivon de la monakoj kaj monakinoj en la establoj de la dominikana ordeno, kiuj troviĝis sur tiu Danuba insulo, kiu nuntempe estas tutmonde konata kiel Margareta Insulo. Ĉefaj figuroj estas Margit kaj Jancsi.

Margit (Margareta), filino de la hungara reĝo Bela IV, estis votita al Dio, t. e. al la vivo kiel monakino jam antaŭ sia naskiĝo, por havigi al Hungario la dian ŝirmon kontraŭ pliaj tataraj invadoj. Por disponigi al la reĝidino konvenan kaj antaŭ ĉio proksiman sidejon, la reĝa patro konstruigas novan monakinejon sur la insulo, sur kiu ĝis tiam nur estis monakejo. La konstruo kaj inaŭguro de la monakinejo, la enkonduko de la junega reĝidino kaj de la aliaj monakinoj kaj ilia vivo estas detale priskribitaj. Speciale montrita estas la evoluo de Margit de infanaĝa knabino ĝis ŝia tro frua morto. Margit plenkore, eĉ fanatike sin donas al sia patrisava misio per sankta vivo laŭ la rigoraj reguloj de la ordeno. Ŝi rifuzas la revenon en la mondon, deziratan de siaj gepatroj kaj konsentitan de la papo, por edzinigi ŝin al la ĉeĥa reĝo Otokaro. Ŝi eĉ plenumas farojn, kiuj de ŝiaj kunmonakinoj kaj superuloj estas rigardataj (kaj de la aŭtoro senkomente estas prezentataj) kiel mirakloj. Ŝi tiel severe kaj senindulge praktikas la ordenan regularon, ke ŝi provokas eĉ la malaprobon de siaj superuloj. Sed tiuj ĉi tamen ne intervenas kaj tiel donas al Margit la eblon mortige ruinigi sian sanon per troa fastado, memskurĝado, maldormado kaj laborado.

Jancsi estas filo de eklezia servutulo, kiun oni simple faris monako, post kiam lia patro mortis kaj lia patrino estis devigita eniri la novan monakinejon servistina fratino. En la monakejo li laboras kiel ĝardenisto kaj librobindisto. De la infanaĝo ĝis la morto de Margit de tempo al tempo okazas hazardaj renkontiĝoj inter Margit kaj Jancsi. Jam en la knabo ekestas al Margit forta inklino, kiu daŭras ankaŭ en la junulo kaj la viro. Li ja klopodas subpremi kaj kaŝi sian inklinon, sed en tio li sukcesis nur rilate al Margit, kiu tiurilate restas senscia. Sed liaj kunfratoj malkovras, ke Jancsi havas inklinon al monakino, tamen ne eksciante, al kiu. Pro tio, ke sub monakejaj kondiĉoj amo estas kulpo, Jancsi estas punata, sed povas ĉiam denove reveni en la proksimon de Margit. La romano finiĝas per melodrameca sceno, en kiu Jancsi nokte kaj sekrete ornamas la ĵus mortintan Margit sur la mortolito per la plej bela lilio el la monakeja ĝardeno.

La prezentado de ĉi tiuj du figuroj donas okazon pentri vastan kaj detalriĉan bildon pri la monaka vivo. Oni ekscias multon pri la signifo de la monakejoj kiel centroj de la tiutempa spirita vivo, pri la rigoreco de la monakeja regularo kaj pri la potenco de la ordeno kaj de la katolika

eklezio entute. Sed koncerne la vivon ekster la muroj de la monakejoj, la romano ne atingas la saman elvokivecon. Priskribitaj estas ja la streboj kaj bataloj de la reĝo, la konfliktoj, venkoj kaj malvenkoj en ties politika kaj familia celado. Sed pri la vivo de la simpla popolo oni ekscias preskaŭ nenion. Ekstermonakejaj figuroj (krom la reĝa medio) estas prezentataj nur okaze kaj nur por montri la malbonecon de la ekstera mondo aŭ por doni okazon al la monakoj sukcese lukti kontraŭ tentoj.
Tia malatento al la popolamaso estas eble klarigebla el la fakto, ke la romano prezentas la tiutempan vivon kaj cirkonstancaron el monaka vidpunkto. Laŭ tiu ĉi la ekstermonakeja mondo estas peka, kulpa mondo, kiun oni devas eviti kaj fuĝi. Ne estas pretervideble, ke per la praktikado de tia vidmaniero la romano rezignas pri la ampleksa prezentado de la historia situacio, tiusence estas unuflanka kaj ignoras la dialektikan interefikon inter ĉiuj sociaj fortoj, speciale tiun inter la regantaj kaj la subpremataj klasoj.
Tia konstato provokas la demandon pri la utilo kaj neceso de tia romano en Esperantio. Se oni rigardas Esperanton kiel socian fenomenon, kiu tiras sian ekzist- kaj evolurajton el la utilo donata de ĝi al la socia progresema evoluo, oni ne povas ne havi kelkajn dubojn rilate la romanon „Sklavoj de Dio". Verŝajne ĝi estas kara al Hungaroj pro sia rilato al la Margareta Insulo, tiu gemo en la ringo de la Budapeŝtaj vidindaĵoj. Same kara ĝi estas probable al katolikoj pro la prezentado de la vivo de kanonizita sanktulino. Sed por legantoj, al kiuj mankas tiaj emociaj rilatoj, la romano estas nura historio, kaj krome historio pri eventoj sensignifaj por la evoluo de la homaro. Ĉu el la peresperanta mondvasta disvastiĝo de tia romano rezultas io utila al la socia evoluo aŭ almenaŭ al la antaŭeniĝo de Esperanto, tio ŝajnas al la recenzinto iomete dubebla, speciale, se li inkluzivas en siaj konsideroj la konatan fakton, ke la eldono de tia ampleksa verko, krom la ega traduka kaj redakta laboro, prezentas grandajn malfacilaĵojn financajn kaj editajn. La recenzinto inklinas al la opinio, ke oni devus apliki la eldonajn fortojn kaj rimedojn pli efike, t. e. por verkoj, kiuj supozeble trovas pli ĝeneralan intereson kaj efikas pli fidinde en progresema senco. Ke la hungaraj esperantistoj kapablas eltrovi kaj eldoni tiajn verkojn, ili jam pruvis per la eldono de „Dudek horoj" antaŭ kelkaj jaroj. Laŭ la opinio de la recenzinto ili devus pluiri sur ĉi tiu vojo kaj ne fuĝi en la idilian kaj edifan.
Se la recenzinto ne povis ne esprimi siajn rezervojn rilate la ĝustan elekton de la romano „Sklavoj de Dio" kiel tradukinda kaj tradukenda, tiajn rezervojn li tute ne povas havi rilate la tradukon mem. Ĝi estas flua, preciza kaj esprimriĉa kaj evidente konservas fidele la simplan, popularan lingvaĵon de la originalo, en kio sendube kuŝas ties literatura valoro. Okulfrapa tamen estas, ke la tradukinto ŝatas meti la objekton (rektan aŭ cirkonstancan komplementon) antaŭ la subjekton kaj la predikaton, per kio la verboj ofte troviĝas tute je la fino de la propozicio. Tia vortordo ja estas allasebla kaj ofte eĉ rekomendinda pro stilaj kaŭzoj. Sed laŭ la opinio de la recenzinto ĝi troviĝas tro ofte sen stila neceso. La recenzinto jam konstatis la preferon al ĉi tiu vortordo ankaŭ en aliaj hungardevenaj esperantaĵoj kaj pro tio supozas, ke montriĝas en ĝi nacilingva apartaĵo. Sed nepre substrekendas, ke ĉi tiu apartaĵo tute ne malhelpas la legeblecon kaj tute ne malgrandigas la altan lingvan valoron de la traduko. El lingva vidpunkto la romano kaj ĝia traduko estas senriproĉaj kaj havigas plenan ĝuon.

*D-ro Karl Schulze*

# KORESPONDDEZIROJ

## Pollando

Interŝ. pm, bk, esperantajojn. Mlozir ierz Malinowski, 59-902 **Zgorzelec,** ul. Tuwima 28/6

Studento, 20 jara, interesiĝas pri elektroniko, distra muziko, dancmuziko, turismo, interŝ. notarojn, kanzonojn, diskojn, sonbendojn, Staszoski Stanislaw, Al. Wojska Polskiego 37/39, 97-200 **Tomaszow Mazowiecki**

Ekonomiisto, 28 jara, pri turismo, muziko, sporto, interŝ. pm, diskojn, bk, Mieczyslaw Porowski, 45-774 **Opole,** ul. Dambonia 133/15

Studentino de medicino, 21 jara, kol. bk, pm, diskojn, bk kun filmaktoroj, Vanda Novak, 96-100 **Skiernievice,** skryt post. 32

## Rumanio

Dez. koresp. Anitei Marie, 30 Decembrie 66, **Tg. Heamt,** Jud. Heamt

## Soveta Unio

Gekomencantoj dez. koresp. kaj interŝanĝi pk, pm, literaturon, alumet-etikedojn, insignojn. Ili estas 14—40 jaraj. Skribu al s-ro Heiki Kalam, **Viljandi,** Musta Tee 5, Estona SSR
s-ro Jaanus Kaljula (lernanto de 8-a klaso), **Viljandi,** Posti 14-7, Estona SSR
f-ino Helina Loit (laboristino),
**Aidu s/jsk,** Muri Puukool, Estona SSR
f-ino Ebe Meiesaar (laboristino), **Viljandi,** str. Lääne 16, Estona SSR
s-ino Viivi Oppo (oficistino), **Viljandi,** str. Põhja 2b—6, Estona SSR
s-ino Ly Palu (kudristino), **Viljandi,** str. Leola 38-4, Estona SSR
s-ino Helmi Rahumetes (kuracistino), **Viljandi,** str. Kivi 5-2, Estona SSR
s-ro Ruuben Rahumetes (kuracisto), **Viljandi,** str. Kivi 5-2, Estona SSR
s-ro Rein Saag, **Viljandi,** str. Jakobsoni 36-1, Estona SSR
s-ro Udo Uibo (lernanto de la 11-a kl.), **Viljandi,** str. Side 5-1, Estona SSR
s-ro Peeter Vaher (seruristo), **Viljandi,** str. Uuveski 17-4, Estona SSR
s-ino Tiiu Visnap (medicina flegistino), **Viljandi,** str. Pionceri 23-3, Estona SSR
Represo de la anoncoj petata.

Infanĝardenistino, 19 j., pri politiko, kulturo, artbildoj de muzeoj, Majboroda Taja, 330091 **Zaporosje-91,** N-Dnerovskaja 14-05

Inĝeniero, 32 j., serĉ. kontakton kun numismatikuloj, kolektantoj de kaktoj, studantoj de japana lingvo, M. Denisov, 184280 **Monĉegorsk,** Murmanska obl, Leningrad NAB 24-83

Filologo, pri lingvoj, speciale Esperanto, sporto, literaturo, kol. bk, pm, alumetetikedojn, Aleksandro Jevdokimov, 480091 **Alma-Ata,** Glavpoĉamt Do vostreb

Kolektanto de esp. literaturo kaj poŝtkartoj dez. korespondi kun la tuta mondo, ankaŭ en germana lingvo. Endel Pajula, **Ambla,** Paide/raj, Estona SSR
Studento de fremdaj lingvoj, pri lingvoj, literaturo, junularaj problemoj, pm, Vladimir Opletajev, 625026 **Tjumen,** ul. Melnikajtle 93a, 305

Serĉas korespondamikojn meze de filatelistoj por poŝtmarka interŝanĝo. Leo Teder, Nomme sovhoss, 203622 **Kilingi-Nómme,** Estona SSR

Lernantino, 16 j., pri muziko, pm, bk, Lincija Kurmanaviĉiute, **Stakliŝkes,** Prienu raj, Litova SSR

Lernanto, 15 j., pm, muziko, Laimus Straźnickas, **Stakliŝkes,** Prienu raj, Litova SSR

Lernantino, 13 j., interesiĝas pri fotoj de aktoroj, Inita Alvatere, str. Voroŝilova, 15 b-2, 228730 **Aluksne,** Latvia SSR
Lernanto, 14 jara, kol. bk, pm, Aleksandr Ŝilĉ, glavpoĉtamt, do vostreb, Kopejkina M. J. 340066 **Doneck**

Dez. koresp. precipe kun GDR, Pollando, CSSR, Nedelĉo Iliel, str. Nolaya n. 4, **Mokraus,** distr. Saratov, reg. Fyodorolka
Studento de matematiko, 22 j., dez. koresp. pri pm (pentroarto, kosmo, sporto, floro, faŭno), en esp. rusa, angla, hungara, germana, franca, ĉeĥa, Vladimir Ivanoviĉ Lisenko, obl. Zakarpatskaja, **Ujgorodo** 294000, ul. Sovetskaja 98 kv. 3

Studentino, 19 j., interŝ. bk, pm, 310008 **Ĥarkov,** primerovskaja 8 kv. 6

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60. Fernruf: 22 59 91.
Verantwortl. Redakteur: Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Otto Bäßler, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Willi Vildebrand. - Veröffentlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.

Druck: Druckwerkstätte Glauchau
III-12-8 404